XXIV-a jaro. N° 333 [5] • Monata • Majo 1928

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redakcio : D-ro Edmond PRIVAT, Prezidanto & Hans JAKOB, Direktoro de UEA.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 12, Boulevard du Théâtre, Genève.

REDAKCIO : *La Redakcio ne povas resendi manuskriptojn.*

*Lasta dato por ricevo: 1-a de ĉiu monato por la sekvanta monato.*

*Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

*La abonoj komenciĝas en Januaro.*

ABONO & REKLAMO

| | |
|---|---|
| **Simpla abono** | **10.— Fr. Sv.** |
| **Kun la membreco de UEA** | **12.50 Fr. Sv.** |
| **Unu numero** | **1.— Fr. Sv.** |
| **Anonco** (unu centimetra kolonero) | **2.50 Fr. Sv.** |
| **Anonceto** (1 linio : 10 vortoj) | **0.75 Fr. Sv.** |
| **Korespondado** (1 enskribo) | **1.— Fr. Sv.** |


ENHAVO



## Nia XX-a kaj apudaj kongresoj

Ni esperas, ke granda nombro da esperantistoj trovos eblecon veturi al nia XX-a Kongreso en Antverpeno kaj faciligos la taskon de la tre vigla loka komitato per aliĝo frua (vidu paĝon 112).

Laborkunsidoj pritraktos Esperanton en Radio kaj en Universitatoj, someruniversitato temos pri Maro kaj Navigacio. Kunprenu ĵurnalistojn aŭ almenaŭ mendojn de raporto por iu gazeto !

Ankaŭ estas rekomendinde ke ĉiu profitu la vojaĝon por helpi nian aferon partoprenante, laŭ siaj konvinkoj, al du tre gravaj kongresoj, okazontaj tute apude. Tuj post Antverpeno *Katolikoj* havos internacian kongreson en Esperanto en Tilburg, 12 — 15 Aŭgusto.

Estas urĝa sopiro de la Katolikaj esperantistoj refortigi sian organizon kaj plivastigi la uzon de nia lingvo en la internacia katolika vivado, en ĝia gazetaro, en ĝiaj junulaj societoj k.t.p. Ĉiu Katolika samideano klopodu veturi tien por renkonti samreligianojn de aliaj landoj kaj frue mendu sian kongreskarton (unu dolaro) ĉe S-ro Verspeek, Broekhovensche Weg 100, Tilburg (Nederlando).

Antaŭ Antverpeno okazos en Hago la interreligia kongreso por paco kun Esperanto kiel sola traduklingvo. Ĝi estos grava manifestacio por forigi antaŭjuĝojn inter homoj diversgentaj kiel deziris ĝin nia Majstro Zamenhof. Kredeble ĉeestos la fama hinda pensulo Gandhi. Se la uzo de Esperanto sukcesos, tio estos granda propagando tra la tutmonda gazetaro. Estas devo de ĉiu, kiu povas kaj emas, ke li aliĝu jam de nun ĉe S-ino Isbrücker, 32, Oostduinlaan, Hago, kaj mendu loĝejon. Kongreskarto kostas unu dolaron kaj kvinonon (3 guldenoj, ses svisaj frankoj per poŝtĉekkonto Isbrücker, Hago 10866).

De Antverpeno al Hago estas nur du horoj en rapida vagonaro, al Tilburg ne multe pli. Ni kore esperas ke multaj kombinos unu aŭ la alian kun la partopreno al nia XX-a. Junuloj ne forgesu la kongreson de la junularmovado por la paco en Ommer, kie ankaŭ Esperanto estos uzata.

La esperantistaj laboristoj kunvenos ĉi-tiun jaron en Göteborg en Svedujo la 14-19 Aŭgusto kaj dum la du postaj tagoj 18 kaj 19 okazos en sama urbo intersindikata konferenco kun Esperanto kiel sola traduklingvo por diskuti pri alilanda korespondado, interŝanĝo de metilernantoj, laboristaj vojaĝasocioj, somerlernejoj, k.t.p. El ĝi povos veni tre utilaj rezultatoj por montri la uzadon de Esperanto al multaj sindikataj sekretarioj, kiuj ankoraŭ ĝis nun ne volas kompreni ĝian grandegan signifon por internaciaj kunvenoj kaj ĉiuspecaj interŝanĝoj.

Se ĉiuj faros sian eblon, multe da bona kaj utila laboro estos farata dum tiu-ĉi somero. Nia lingvo estas neŭtrala kaj utila al ĉiuj internaciaj klopodoj. Ni kore deziras ke per multnombra partopreno en tiuj diversaj kongresoj ni pruvu kiel efike kaj sukcese ĝi funkcias se oni nur provas. Do iru, vidu kaj venku, kaj antaŭ ĉio, aliĝu.

*Edmond Privat.*

 SOCIA VIVO 

# Kiel efikas libroj

de *Liang-Ĉu-vaj.*

Estas konata tiu anekdoto pri la persa reĝo, deziranta studi la Historion de la homaro por pli bone regi sian landon. Laŭ la rusa verkisto-scienculo Nikolao Rubakin, aŭtoroj kaj bibliotekistoj devus unue koni la Historion de la libroj antaŭ ol verki aŭ disdoni literaturon.

Efikeco de libro ne dependas nur de ĝi mem, sed ankaŭ de la leganto, eĉ en tre granda proporcio. Por kalkuli ĝian efektivan kaj veran valoron, necesas konsideri tion. Fakte tiu valoro varias kun ĉiu leganto. Unu estas tre sentema, alia imagema, tria volema, kvara intelektema kaj abstraktema.

Tiu lasta kategorio de legantoj estas certe la plej malofta. Bildoplena stilo certe pli allogas ol abstrakta. Necesas memori, ke homoj legas plej ofte vespere, kiam lacaj. Kompreni raciajn pripensojn senkolore esprimitajn, tio postulas penon. Cerbo laca ne toleras tion. Pli volonte ĝi enkaptas ideojn prezentitajn per konkretaj bildoj.

Tion ja scias jam de longe reklamistoj kaj propagandistoj iom spertaj. Pri la familio de la granda gazetarposedanto Lord Rothermere, en Anglujo, oni rakontas legendan interparolon. Fondinte la sensacian ĵurnalon *Daily Mail*, le patro diris : « Jen mi kreis gazeton por la homoj, kiuj ne scias pensi. — Nu, mi faros eĉ pli bone, respondis la filo ; mi fondos ĵurnalon por tiuj, kiuj ne scias legi. » Kaj li kreis ĉiutagan ilustritan.

La sukceso de kinematografo kontraŭ teatro atestas la samon. Utilas do bone kompreni sian publikon kaj ĝiajn cirkonstancojn por verki librojn ne nur sukcesajn, sed utilajn en instrua kaj eduka senco.

Se temus nur pri sukceso, estus ja facile simple respondi al la plej primitivaj bestaj instinktoj de l'homaro. Tion ja faras certaj literaturaj « komercistoj » celantaj nenion alian ol gajni kiom eble plej da mono.

Sed, kiam la celo estas popoledukado, tiam necesas utiligi la disvastigatajn ecojn de la homoj por ilin helpi al ĝuo kaj profito de la libro. Por ke ili komprenu, estas devige ilin kompreni mem. Tion asertas Nikolao Rubakin pledanta por sia ŝatata scienco bibliopsikologia : la psikologio de la libro.

Ni vivas en epoko de « testoj » aŭ psikologiaj mezuriloj. Ĉie oni nun mezuras ĉion : laboristojn por raciigo de la laboro, lernantojn por « profesia orientado », esperanto-kursanojn por kompara eksperimentado. Kial oni ne « mezurus » legantojn ? Tion faras Rubakin kaj liaj disciploj en diverslandaj bibliotekoj.

Ili enketas, ili statistikas. Ili respondigas al demandaroj. Iom post iom ili sukcesas mezuri la « efikecon » de la diversaj verkoj. Ofte tre frapaj estas la rezultatoj. Ilin ekkonante, multaj aŭtoroj perdus iluziojn. Aliaj regajnus eble pli da kuraĝo.

« Sed kial entrepreni tian klopodadon ? » demandos iuj. « Ĉu ne sufiĉus rigardi la ciferon de l'eldonoj ? » Jes, se temus pri la celo komerca. Sed ne tion interesas la bibliopsikologoj. Kion ili celas, tio estas mezuri, ne la vendon, sed la efikon, la gradon de kompreno kaj profito el la libroj.

Jam levas la ŝultrojn aristokrataj artistoj. « Fi ! Vera artisto ne malaltiĝas al tiaj zorgoj. Sin mem li enblovas en sian verkaĵon kaj neniel interesiĝas en la demando, ĉu kaj kiel tio impresas legantojn. »

Nu, la fakto estas, ke tiam la sola taŭga leganto estas nur li mem. Ĉiufoje, kiam iu alia legas lian verkon, la legita verko fariĝas kombinaĵo inter du personecoj : lia kaj tiu de la leganto. Forkuri el tiu fakto estas neeble.

Tial la scienco rekomendita de Nikolao Rubakin estas neevitebla se oni deziras koni ankaŭ tiun parton de la realeco. Ĝis nun literaturo studis antaŭ ĉio la produktadon de la verkoj kaj eĉ funde ekzamenis la kaŭzojn kaj cirkonstancojn de tiu produktado. Sed la efikon oni plej ofte ignoris. Kial ? Fakte ĝi estas la pli grava parto.

---

## Kongreso Kalendaro

Aŭstria : Baden, Majo, 27 — 28.
Belga : Bruselo, Junio, 10 (Ĝen. kunveno).
Brita : Newcastle, Majo, 28 — 28.
Bulgara : Vraca, Aŭgusto ?
Ĉeĥoslovaka : Teplice-Teplitz, Majo, 26 — 28.
Dana : Odense, Majo, 27.
Estona : Rakvere, Aprilo, 9 — 10.
Finna : Helsinki, Aprilo, 8.
Franca : Lyon, Majo, 27.
Germana : Potsdam, Majo, 27.
Hispana : Sevilla, Septembro, 5 — 9.
Inter-religia Paca : Hago, Julio, 31 — Aŭgusto, 2.
Kataluna : Vinaroc, Septembro, 5 — 9.
Katolika IKUE : Tilburg, Aŭgusto, 12 — 15.
Pac-movada Junulara konferenco de gvidantoj : Ommer, Nederl., Aŭgusto, 12 — 29.
Pola : Kraków, Majo, 27 — 28.
Sennacieca Asocio Tutmonda : Göteborg, Aŭg. 14 — 19.
Socialist-religia : Le Locle, Aŭgusto, 24 — 26.
Sudslava : Srem. Mitrovica, Junio, 29 — 31.
Universala Kongreso : Antverpeno, Aŭgusto, 3 — 11.

## EL NATURO KAJ SCIENCOJ

# Ĉionmanĝanto

Ekaperis la 2-an de Novembro de la pasinta jaro, sur la estrado de la Instituto por esplori nutraĵojn en Tokio, strangulo sin nomanta Masaĵi Kumagae. Farmisto 37 jara el Mijagi provinco. Li kunportis diversajn bestojn, ekz. raŭpo, serpento, talpo, miriapodo, lukano, kantarido, k.a (tiun lastan oni konsideras fatale venena al la homa vivo).

Sub la prezido de D-ro Takahira kaj ĉeesto de la estro D-ro Saeki kaj granda aŭskultantaro li paroladis pri sia 17-jara studo pri manĝaĵoj, dum kiu li jam provis pli ol 1,600 specojn de bestoj, kreskaĵoj kaj mineraloj, el kiuj 46 estas rigardataj venenaj.

Li diras interalie, ke li komencis provmanĝi en 1911, kiam li estis 19-jara, tiajn bestojn kiel: araneo, libelo, akrido, talpo, rato, serpento, k.a.

Komence la odoro kaj suko malagrabligis lin, sed iom post iom li alkutimiĝis. Ambaŭ, bestoj kaj kreskaĵoj estas, li opinias, sendanĝeraj kiam oni manĝas ilin je ilia plena viveco. Bestojn li manĝas 2 tagojn malfreŝaj.

Li neniam spertis venenigon malgraŭ ke li jam manĝis tiom da rekonitaj danĝeraĵoj.

Li tiam elprenas helikon el vitra botelo kaj ekmordas ĝin kune kun la ŝelo. « Kian guston ĝi havas? Volu klarigi al la aŭdantaro », diras la estro. « Iom astringa », respondas li mallonge. Poste li provas fruktojn de ilicio. « Estas konata fakto, ke la ilicio estas venena kreskaĵo, anoncas la estro, sed ĝin nun manĝas S-ro Kumagae ».

La estro maltrankvila tamen atentigas lin, ke li ne manĝu multe.

« Trankviliĝu, mi petas », respondas li kaj post maĉado li jam englutas.

Poste li provis nigran grandan araneon. « La araneo estas plej bongusta kiam ĝi portas ovojn printempe », li diras. Poste sekvas unu post alia psikodo, lacerto, kaj fatale venenaj bufo kaj kantarido.

Maĉante andesiton li diras, ke freŝa andesito gustumiĝas kiel biskvito.

Poste li prenas blankan muson kaj maĉas gin de la kapo kaj englutas la tutaĵon. « El 1,600 specoj da provaĵoj la muso apartenas al la plej bongustaj ». Estas do domaĝe, ke ĉitiun bongustaĵon la homo lasas monopoli, per la kato. Nepre venos la tempo, kiam la homo deprenos tiun privilegion de la kato por nutri sin per la muso ». (Ekrido).

Poste li manĝas serpenton de la kapo kaj konstatas, ke la kapo estas ĝenerale pli bongusta, ol la ceteraj partoj, kaj freŝaj ostoj estas sufiĉe molaj. Serpento el kampo estas pli bongusta, ol tiu loĝanta apud urbo, ĉar tiu lasta estas iom amara. Por unufoja manĝado li kutime prenas nur unu serpenton.

Provinte plie kelke da insektoj kaj kreskaĵoj li proklamas sian deziron, ke kiam ajn li mortus venenigita per provmanĝado, lia kadavro estu dissekcita por la bono de la scienco kaj ke certa tempolimo depost la morto de sia maljuna patrino li volonte oferos laŭbezone eĉ viva sian korpon, por ke li tiamaniere povu senkulpigi sin por la animoj de sennombraj vivaĵoj, kiujn li mortigis por manĝi.

Fine li konkludas sian paroladon kiel jene:

Abundaj estas naturaj manĝaĵoj ĉie en la mondo, per kiuj la homoj povas nutri sin pli sanige, ol per artefaritaj luksaj manĝaĵoj. De tiu vidpunkto ne necesas plendi pri manko de nutraĵoj kaj kreskado de la homnombro. La studoj de naturaj nutraĵoj do solvos la demandon de naskokontrolo kaj ankaŭ de interpopolaj malpacoj, kies kaŭzo estas nenio, ol konkuro por vivado.

La redaktoro de la gazeto « Gendai » konatiginta lin al la Instituto aldone rimarkas:

Antaŭ ol komenci provmanĝadon li estis ne tre forta, sed ĉu pro sia longedaŭra provado, laŭ la testamento de la patro, por eltrovi novajn nutraĵojn por la bono de la homaro, ĉu pro severa prizorgado pri sia higieno — li ankoraŭ restas fraŭlo — li fariĝis mirinde sana kaj forta, tiom forta, ke li iam daŭrigis sian farmistan laboron maldormante 8 tagnoktojn. Nur unufoje li prenas ĉiutage tre simplan ordinaran manĝon kaj dormas malpli ol 4 horojn ĉiunokte, kaj tiu kutimo rimarkeble helpas, li diras, al lia sano.

El japana gazeto « Gendai »,
tradukis *K. Takahaŝi*, Shizuoka.

*(Noto de la Red.)*. — Akridoj estis normala manĝaĵo de antikvaj egiptanoj kiel montras pentraĵoj sur iliaj monumentoj. Sankta Joano sin nutris en dezerto per akridoj kaj karoboj, kiel diras Evangelio. Afrikaj indiĝenoj larĝe uzas akridojn kiel nutraĵon sub diversaj formoj. Eŭropaj vojaĝintoj rakontas ke preparita akrido gustas kiel migdal-kuko. Francoj manĝas helikojn kaj ranojn (krurojn). Ciganoj manĝas laŭokaze erinacojn, bakante ilin en fairo argilkovritajn en formo de bulo. Oni konis en Rumanio fraŭlinon kiu alkutimiĝis de sia infaneco manĝi (kiel frandaĵojn) vivantajn raŭpojn, kiujn ŝi trovis tre bongustaj.

---

# Vortoj

*Akrido*: Heuschrecke, sauterelle, grasshopper, cavalletta, saranĉa, konik, kuzneĉik, prusik. — *Andesito*: Ŝtonaĵo vulkandevena. — *Heliko*: ĝardena molusko kun spirala ŝelkonko (ne nuda, kiu estas nomata *limako*), Schnecke, escargot, slug, chiocciola, ulitka, lavrik. — *Ilicio* aŭ « stelanizo »: Sternanis, badiane, anis étoilé, ŝikimi, spica frukto de arbo magnoliaca. — *Kantarido*: Molkorpa skarabeto forte odoranta, kies veneno vezikigas, Cantharis, spanische Fliege, ŝpanskaja *muĥa*. — *Libelo*: Gracia kvarflugila insekto kun longa korpo, Wasserjungfer, demoiselle, dragon-fly, strekoza, vilin konjic. — *Lukano*: Arba skarabo kun grandaj kornoj, kiel ĉe cervo, Hirschkäfer, cerf-volant, stag-beetle, rogac, zuk-olenj, jelenec. — *Miriapodo*: Multpieda artikulo, Tausendfüsser, mille-pieds, milliped, tyseĉenozka, stonoga (« milpiedulo »). — *Psikodo*: Granda insekto simila al kulego, el genro de tipuloidoj. — *Talpo*: Subtere vivanta mambesto, Maulwurf, taupe, mole, krot, krtica.

---

***Kun la nuna numero estas sendata la***

***INTERSANGA BULTENO, N-ro 1.***

 LITERATURO 

# Paĝo el Rabelais

*Kiel iuj registaranoj de la reĝo Pikrokolo lin metis en grandan danĝeron per tro urĝa konsilo.*

François Rabelais (1495-1553) unue monaĥo kaj poste kuracisto kaj scienculo estis gaja humoristo kaj unu el la fondintoj de la franca prozo. Tiu rakonto estas traduko de ĉapitro XXXIII el Gargantua. Reĝo Pikrokolo koleras kontraŭ najbara pacema reĝo Grandgousier kaj lasas sin forkonsili al milito. Filozofe kaj bonhumore ironias Rabelais kontraŭ militemaj reĝaj flatantoj.

Ŝtelinte la kukojn, aperis antaŭ Pikrokolo la dukoj de Menuail, grafo Spadulo kaj kapitano Sterkulo kaj diris al li : « Moŝto, hodiaŭ ni igos vin la plej feliĉa, la plej kavalira princo iam estinta en la mondo depost la morto de Aleksandro Makedona !

— Kovru, kovru vian kapon, diris Pikrokolo.

— Grandan dankon, Moŝto, diris ili ; ni faras nian devon. Jen la rimedo : Vi lasu ĉi-tie unu kapitanon por gardado, kun bandeto da viroj, por ŝirmi la lokon, kiu ŝajnas al ni sufiĉe fortika, ĉu pro naturo, ĉu pro la muregoj konstruitaj laŭ via eltrovo. Vian armeon dispartigu duope, kiel vi mem tro bone scias. Unu parto iros ataki tiun Grandgousier kaj liajn homojn. Per ĝi li tuj estos facile venkita. Tie vi trovos monon en amasoj, ĉar la malnoblulo havas kontantan sumon. Malnoblulo, ni diras, ĉar nobla princo neniam posedas eĉ heleron. Trezorumi estas kutimo de malnoblulo.

La cetera parto vojaĝos al Onys, Sanktonge, Angomois kaj Gaskonio : kune Perigot, Medok, kaj Elanes. Sen rezisto vi prenos urbojn, kastelojn kaj fortikaĵojn. En Bayonne, St. Jean de Luk kaj Fontarabio vi kaptos ĉiujn ŝipojn kaj bordirante al Galico kaj Portugalujo, vi rabos ĉiujn marlokojn ĝis Lisbono, kie vi ricevos helpon de tuta maristaro necesa al venkulo. Per korp' de Dio ! Hispanujo kapitulacios, ĉar estas nur dormuloj tie. Vi trapasos la Sibilan markolon kaj tie starigos du kolonojn, pli belegajn ol la Herkulesaj, je eterna memorigo de via nomo, kaj estos nomata ĉi-tiu markolo la « Pikrokola Maro ».

Post paso de la Maro Pikrokolo, jen Ruĝabarbo sin igas jam via sklavo.

— Mi, diris Pikrokolo, lin prenos je kompato.

— Bone, diris ili, nur se li lasas sin bapti. Tiam atakos vi la reĝlandojn de Tuniso, Hippes, Alĝero, Bon, Koron ,brave la tutan Barbarion. Preterpasante retenos en via mano Majorkon, Minorkon, Sardenion, Korsikon kaj ceteraj insulojn de la maro Ligura kaj Baleara. Bordirante maldekstre vi regos la tutan Galujon Narbonan, Provencon kaj Allobrogojn, Genova, Firenze, Luques kaj plaĉ' al Dio Romon. La kompatinda sinjor' papo jam ekmortas pro timo.

— Honorparole, diris Pikrokolo, mi ne kisos jam lian pantoflon.

— Kaptinte Italujon, jen Napoli, Kalabrio, Apulo kaj Sicilio, ĉiuj plene rabitaj kaj Malt' insulo kune. Mi ja ŝatus vidi ĉu la ŝerc'kavaliroj iam Rodesaj provus reziston al vi !

— Mi irus, diris Pikrokolo, tre volonte al Lorette.

— Nenio, diris ili, nenio ; vi iros revenante. Poste ni prenos Kandion, Cipron, Rodezon, insulojn Cikladajn kaj alvojaĝos Moreon. Ni ĝin jam tenas. Sankta Prenulo ! Dio gardu Jerusalemon ! eĉ sultano ne kompareblas al via potenco.

— Mi diris li, konstruigos la Templon de Salomono ?

— Ne jam, diris ili ; atentu momenteton. Ne estu tiel subita en viaj entreprenoj. Ĉu vi scias kion rekomendis Oktavian-Aŭgusto? *Festina lente*. Decas unue posedi: Azion Minoran, Kurion, Likion, Pamfilon, Cilicion, Lidion, Frigion, Mizion, Betunon, Ĥarazion, Satalion, Samaragion, Kastamena, Luga, Savasta, ĝis Eŭfrato.

— Ĉu ni vidos, diris Pikrokolo, Babilonon kaj la Monton Sinai ?

— Vi ja ne bezonas, ili diris, por la nuna momento. Ĉu ne sufiĉe lacige, ke ni jam traveturis la Maron Hirkanan, transrajdis ambaŭ Armeniojn kaj la tri Arabiojn ?

— En vero, li diris, ni freneziĝos. Ho kompatinduloj !

— Kion ? ili diris.

— Kion ni trinkos en tiuj dezertoj ? Ĉar Julian-Aŭgusto kaj lia tuta armeo tie mortis pro soifo, kiel oni rakontas.

— Ni, diris ili, jam ordonis pri ĉio. Trans la Maro Siria, vi ja ricevos naŭ mil dek kvar grandajn ŝipojn, ŝarĝitajn je la plej bonaj vinoj en la mondo ; ili alvenas al Jaffa. Tie troviĝas dudek ducent mil kameloj kaj mil sescent elefantoj, kiujn vi kaptis en ĉaso enirante Libion, same vi kaptas la tutan karavanon al Meko. Ĉu ili ne havigis al vi la vinon en sufiĉo ?

— Bone, li diris, sed ni ne trinkis freŝe.

— Per virto ne de fiŝeto, ili diris, bravulo, venkinto, pretendanto kaj sopiranto al tutmonda imperio ne povas ĉiam havi komforton. Dion vi laŭdu ke jam alvenis vi kaj viaj homoj, sane kaj tute, ĝis la rivero de l' tigro.

— Sed, li diris, kion faras dumtempe tiu parto de nia armeo kiu venkas la malnoblan fuŝan Grandgousier ?

— Ili ne haltas, diras ili ; ni tuj ilin renkontos. Ili jam prenis por vi Bretonujon, Normandion, Flandrujon, Haynault, Brabant, Artoys, Hollandon, Seelandon : ili transpasis la Rejnon sur la ventro de la Svisoj kaj parto el ili jam venkis Luksemburgon, Lorenon, Campanion, Savojon

ĝis Lyon, kie ili trovis viajn regimentojn revenintajn el la maraj venkoj ĉe Mediteraneo. Tiam ili kunvenis en Bohemujo, rabinte Ŝvabion, Vurtembergon, Bavarujon, Aŭstrion, Moravion kaj Stirion. Poste ili kune almilitis fiere Lubekon, Norvegujon, Svedujon, Dacion, Gotion, Groenlandon kaj insulojn ĝis Maro Glacia. Tion farinte ili venkis Orkadojn, Skotlandon, Anglujon kaj Irlandon. De tie, vojaĝante trans la maro sablara kaj Sarmatoj, venkis kaj subigis Prusujon, Polujon, Litovujon, Ruslandon, Valakion, Transsilvanion, Hungarujon, Bulgarujon, Turkujon kaj estas jam en Konstantinoplo.

— Ni iru, diris Pikrokolo, ilin retrovi kiel eble plej frue, ĉar mi volas esti ankaŭ imperiestro de Trebizondo. Ĉu ni ne mortigos ĉiujn tiujn hundojn malkredanajn ?

— Diablo, ili diris, kion alian ni faros ? kaj vi disdonos iliajn bienojn kaj terojn al tiuj, kiuj vin servis honeste.

— Racio, li diris, postulas tion. Estas nur juste. Mi donas al vi Karmanion, Sirion kaj tutan Palestinon.

— Ho, diris ili, via Moŝto estas bonanima. Grandan dankon. Dio vin igu ĉiam plej prospera ! »

Tie ĉeestis ankaŭ unu maljuna ĝentilhomo, elprovita en diversaj okazoj kaj vera spertulo pri milito, laŭnome Eĉefron. Aŭdinte tiujn babilaĵojn, li diris : — « Mi tre timas, ke tiu tuta entrepreno estos simila je la farso pri la poto de lakto, el kiu riĉiĝis iu ŝuisto en revo ; poste rompiĝis la poto kaj li ne havis eĉ el kio tagmanĝi. Kia estos la fino de tiom da laboroj kaj veturoj ?

— Ĝi estos, diris Pikrokolo, ke ni reveninte ripozos en komforto.

Al tio rebatis Eĉefron : « kaj se hazarde vi neniam revenus ? Ĉar la vojaĝo estas longa kaj danĝera. Ĉu ne plibone, ke ni ripozu nun evitante tiujn riskojn ?

— Ho, diris Spadulo, jen bela revulo ! Ni kaŝiĝu ĉe la kameno kaj tie kun la sinjorinoj pasigu nian vivon kaj tempon almetante perlojn al fadenoj aŭ ŝpinante kiel Sardanapalo. Kiu ne riskas aventuron havas nek ĉevalon, nek mulon, tion diras Salomono.

— Kiu tro aventuras, rebatis Eĉefron, perdas ĉevalon kaj mulon, tion respondis Malkon.

— Sufiĉe ! diris Pikrokolo, ni transiru. Mi nur timas tiujn diablajn regimentojn de Grandgousier. Dum ni rajdos en Mezopotamio, se ili atakas nian voston, kia rimedo ?

— Tre bona, diris Sterkulo, bela trinkmoneto, kiun vi sendos al Moskovanoj, tuj alkampigos al vi por momento kvarcent kvindek mil elitajn batalantojn. Ho se vi sendos min tien kiel leŭtenanton vian, mi jam mortigos la tutan bandon ! Mi mordu, batu, frapu, kaptu, buĉu, senkompatu !

— Al batalo, al batalo, diris Pikrokolo, urĝu, rapidu ! kaj kiu min amas, tiu min sekvu ! »

Tradukis *Edm. Pr.*

# La Pafejo kaj la tombaro

de *Charles Baudelaire.*

*Je la vido al la tombaro. Drinkejo.*

« Jen strangeta anoncŝildo, — diris al si la promenanto, — sed ja taŭga por soifigi ! Certe, la mastro de tiu drinkejo ŝatas Horacon kaj la poetojn Epikuridajn. Eble li konas eĉ la profundan subtilon de l'antikvaj Egiptanoj, por kiuj ne ekzistis bona festeno sen skeleto, aŭ sen ia emblemo pri la mallongo de l'vivo. »

Kaj li eniris, trinkis glason da biero kontraŭ la tomboj, kaj fumis malrapide cigaron. Poste, pro kaprico li malsupreniris en tiun tombejon, kie la herbo estis tiel alta kaj tiel alloga, kaj kie regis tiom riĉa suno.

Fakte, la lumo kaj la varmo tie furiozis, kaj kvazaŭe la suno ebria sin tute ruladis sur tapiŝo de splendaj floroj, grasigitaj de la detruiĝo. Ega susurado de vivo plenigis la aeron, — la vivo de l'treege etuloj, — tranĉata je regulaj interspacoj per la krakado de l'pafoj en proksima pafejo, kiuj eksplodis kiel korkoj de ĉampano en la zumado de kaŝita simfonio.

Tiam, sub la suno kiu varmigis lian cerbon, kaj en la atmosfero de l'ardaj parfumoj de la Morto, li aŭdis voĉon paroleti sub la tombo sur kiu li sidis. Kaj tiu voĉo diris : « Malbenataj estu viaj celtabuloj kaj viaj karabenoj, malkvietemaj vivantoj, kiuj tiom malatentas la mortintojn kaj ilian dian ripozon ! Malbenata estu via ambicio, malbenataj estu viaj fiplanoj, mortontaj senpacienculoj, kiuj venas studi la arton mortigi apud la sanktejo de l'Morto ! Se vi scius, kiel la premio estas facile gajnebla, kiel la celo estas facile atingebla, kaj kiel ĉio estas nenio, krom la Morto, vi ne tiel lacigus vin, laboremaj vivantoj, kaj vi malpli ofte interrompus la dormon de tiuj, kiuj de longe trafis la celon, la solan veran celon de la abomeninda vivo. »

El la franca : *P. Lobut.*

# Mia amo

*Julio Baghy.*

*Entomba sento estas mia am',*
*ne donas ĝojon, plendas nur,*
*nek vivi povas, nek formorti jam,*
*fantomas ĝi post kripta mur',*

*sed ĝia ve' libere flugas for*
*trans barojn de la tomb' al Vi*
*kiel peteg' de almozula plor',*
*de ter' direktas sin al Di'*

*kaj mia almozula amo jen*
*ne tuŝas vian koron nun :*
*silik' fariĝis la iama gem'...*
*Vi turnis vin al — nova sun'.*

# TRA LA LIBRARO

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. La eldonaĵoj estas bibliografie notataj en la rubriko « Novaj libroj ». Sub titolo: « Tra la libraro » aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

---

*Literaturo. — Filozofio. — Lernolibroj.*

Kun plezuro ni povas hodiaŭ paroli pri tri bonaj novaj verkoj en nia literaturo.

La unua, originale verkita, estas « Dancu Marionetoj »; sub tiu titolo la aŭtoro Julio Baghy, kolektis dek prozaĵojn. Eĉ kiam birdo paŝas, ĝiajn flugilojn oni konscias. Eĉ kiam poeto verkas proze, lia stilo restas artplena. Per tipaj pentraĵoj, li skizas apartajn trajtojn de l'homa animo. Jen luktas inter si kontraŭaj tendencoj, disciplino kaj kompato, superstiĉo kaj fatalismo; jen la mizero estas la grundo, kie kreskas ne atenditaj altruistaj sentoj, jen postmilitaj teruregaj aŭ humoraj rememoroj. El la rakontoj, mi persone malpli ŝatas la alegoriojn, kie inspiro ne ŝajnas tiom natura, kiuj tro videble celas doni al la rakontaro unuecon, kiun ĝi ne havas, nek bezonas; dume la aliaj, pli spontaneaj, estas diverskoloraj juveletoj. Inter ili, « Nur Homo », la sola vera novelo, malgraŭ la subtitolo: Novelaro, de l'libro, estas kortuŝanta romaneto, kie trompita edzo rekonas, ke pro la cirkonstancoj, prava estis la ŝanĝema edzino kaj ke li devas lasi ŝin, kvankam ankoraŭ amatan, al la rivalo. Kelkaj nebezonataj novaj vortoj aŭ preseraroj kromigitaj, ni senhezite rajtas diri, ke tia libro estus atentinda ne nur en nia verkaro, sed ankaŭ ĉe ia riĉa nacilingva literaturo.

Ankaŭ originale verkita estas la ampleksa aventurromano *Landoj de Fantazio* de Teo Jung. Ĉe tia eksterreala multokaza mirrakonto, oni ne postulas specialan serĉadon al beletristiko; se la prozo iras flue, senerare, kaj tio estas plene atingita, la leganto, kies spirito streĉiĝas al la ĉiam novaj perspektivoj, estas prave kontenta. Preskaŭ tro riĉa ja estas la verko; ne nur kun du amerikaj aviadistoj ni malkovras, trans dezertego, ĉirkaŭatan de ĝis tiam netransireblaj montĉenoj, la fabelan landon de Raspazo kaj ekkonas ĝian amindan loĝantaron, sed plie, kun du Raspazanoj, ni reiras al la tiel fremdaj, por ili, landoj civilizitaj en Ameriko kaj Eŭropo; tiel oni dubas ĉu la titolo celas la nekonitan landon, aŭ la por ties enlandanoj, novan nian mondon, aŭ ambaŭ. Se kun tiu jam duobla historio kuniĝas du aŭ tri amintrigoj, se ne mankas katastrofoj, insidoj, seniluziigoj kaj martiroj, vi konfesos, ke ŝatanto al romanecaj aventuroj trovos ion por satigi sian soifon. Gejunuloj, en tiu aĝo kiam oni volonte englutas libregojn, kun speciala intereso vojaĝos spirite al Fantaziujo; la aŭtoro pruvis sian inventeman imagon kaj sian lertecon en la uzo de nia lingvo.

La tria, el la komence menciataj verkoj, estas la kolekto de kvin numeroj: *Ilustrita Biblioteko*, aparte haveblaj, sed ankaŭ kunigitaj sub titolo: *Oriento*. Tiuj tradukoj aŭ originalaĵoj estas bone verkitaj (sed ne gestikuli por gesti); ili estas unue du rakontoj, unu antikva kaj unu moderna, pri la moroj de popoloj en insulo Javo; poste moderna ĥina dramo, terura, sed kun portreto de altanima heroino; plie emocia rakonto aranĝita laŭ la fama malnova hinda dramo: Sakuntala; kaj fine du el la plej vivaj fabeloj el la konataj: Mil kaj unu noktoj. Bona elekto por iom malkovri al ni flankojn de la Orienta Vivo aŭ animo. Se la postsekvontaj numeroj de la kolekto indas je la unuaj, ni povos pri ili sincere gratuli la eldoninton.

Malpli ampleksaj estas la du jenaj broŝuroj. *Danco de skeletoj*, kun tri drametoj tradukitaj el la Japana lingvo. Iom strangaj por ni malgraŭ la korekta lingvo; la aŭtoro celis, kiel en scenoj ludataj de speciala Pariza trupo: « Le Grand Guignol » (la granda pupo), elveki angoran timegon ĉe la aŭdanto aŭ leganto. *Vienaj Legendoj*, bele aldonita libreto, en kiu S-ro Mair esperantigis kvin mezepokajn fabelajn rakontojn tiajn, pri kiuj la germana folkloro estas speciale riĉa.

---

*Naturscienco, Mondkoncepto, Religio,* estas filozofia traktaĵo pri problemoj de longe studataj, ankoraŭ longe diskutotaj. Ĉu scienco kaj religio estas disdirektaj, ĉu scienculo nepre perdas kredon aŭ almenaŭ fariĝas agnostikulo, ĉu tuta naturo kaj evoluo estas klarigeblaj sen revelacio? Aŭ ĉu, kontraŭe, scienco kaj kredo helpas unu alian, ĉu naturo sen kreanto kaj sen celo estas nekomprenebla, ĉu dum nesufiĉa scio kreas ateistojn, vera funda scienco konfesas Dion? Tiun duan tezon, per riĉa argumentaro kaj multaj citaĵoj defendas la libro de J. Reinke, profesoro ĉe universitato Kiel, tradukita esperante. Tute larĝidee, kaj neniel ofende por kiu estas nek kredanto nek katoliko, verkis la aŭtoro. Sed ĉar ofte kredo estas pli instinkta ol racia, eble lia serioza laboraĵo ne sufiĉos por konverti multajn. Krom sia faka valoro, la libro denove pruvas kiel, por malfacila filozofia rezonado, tutbone servas nia lingvo.

Ĝin utiligas alicele, sed ankaŭ lerte, E. Izgur en la verketo *Nur Volu* kie, en dua eldono plibeligata per multaj bildoj, li energie vokas la tutmondan proletaron al tuja revolucio, al sovetigo de ĉiuj landoj, al neniigo de patrioj, kapitalismo, burĝaro, k.t.p.

---

D-ro Lippmann, la direktoro de la Gramatika Sekcio en la Akademio, verkis detalan studon pri la *refleksiva pronomo en Esperanto.* Prezentita kun la Akademia raporto ĉe la lasta kongreso, ĝi estas nun aparte represata; ĝi estas modela klarigo pri unu delikata punkto de nia lingvo; la regulo estigataj de l' praktiko montras tendencon al plia precizeco en ĝi.

La germana lernolibro de D-ro Emil Pfeffer: *Esperanto in 10 Unterrichtsstunden* atingis trian eldonon. Bona enkonduko pri la lingvo kaj la movado, dulingvaj duliniaj ekzercoj, tre malkara prezo, enhavo bone aranĝita jen la kialoj de l' sukceso.

En Jerusalemo, S-ro Ezra Cijon Melamed publikigis *Vortaron Esperantan-Hebrean*, kun plena traduko de l'oficiala klasika libro, gramatiko, kelkaj ekzercoj; ĝi faciligos la propagandon en hebree parolantaj regionoj.

Nova *Vortaro Hungara-Esperanta* de Léo Dévay ekaperas; unua parto, centsesdekpaĝa, iras de A ĝis F. Estos do detala plenvortaro. La aŭtoron helpis S-roj Kalocsay kaj Takács. Nur sciantoj de l'hungara lingvo povas juĝi pri la boneco de libro, kiu elekstere ŝajnas serioze prilaborita.

S-ro Nordlund aperigas eldonaĵon al gramatiko por svedoj, *Prepositionerna i Esperanto* en kiu ĉiu prepozicio estas vice klarigata per multaj ekzemploj, laŭ diverseco de l' tradukoj, uzo kiel konjunkcio, kiel prefikso kiel radiko por kunmetitaj vortoj.

15 Marto 1928. *G. S.*

---

*E. Aisberg.* Rozmluvy o radiu, populárni vysvětleni základů radiofonie. 19 × 13 cm., 106 p. (Eldonis) Vy-

ává Nakladatelstvi « Orbis », Fochova trida 62, Praha. — Prezo : 10 kĉ.

La « Babiladoj » el Internacia Radio Revuo, popularaj klarigoj pri la elementoj de radio, aperis en ĉeĥa traduko en la plej disvastigita ĉeĥa radiorevuo « Radiojournal », kaj nun kunigitaj en libreto ; verketo unika laŭ enhavo, tradukita el Esperanto nun en kelkajn naciajn lingvojn. Ĝiaj multaj aludoj pri Esperanto en la teksto kaj la antaŭparolo atentigas la ĉeĥan publikon pri nia lingvo.

---

*Rudolf Unger*. « Was muss der Kaufmann von der Volkswirtschaft wissen ? » 22,5 × 15 cm, 54 p. Verlag Organisator, A. G., Zürich 6. Prezo nemontrita.

Germanlingva broŝuro pri la estiĝo de la ekonomia scienco kaj historia superrigardo de la diversaj teorioj kaj skoloj. Flua stilo, klara disigo de la materio distingas la verketon, kiu finas per kvinpaĝa resumo en Esperanto. Salutinda estus la eldono de tiu-ĉi verketo nur en Esperanto.

---

## Novaj libroj

*Fabiola*. Rakonto pri la katakomboj. Kardinalo Wiseman, el la angla lingvo tradukis E. Ramo. Dua eldono reviziita de Em. Robert, 1928. Espero Katolika, 55, rue de Vaugirard, Paris, 440 paĝoj, 14 × 19 cm. Prezo : 30 fr. fr. (6 Germ. M.)

*Esperanto Leer- en Leesboek*, ten dienste van onderwijsinrichtingen voor Cursussen Zelfonderricht, door W. W. van Alphen, 1928. Zutphen, W. J. Thieme & Cie (Nederlando). 148 paĝoj. 15 × 23 cm. Prezo : ne notita.

*Robinsono Kruso*. Legolibro por geknaboj laŭ Campe, kompilita de H. J. Bulthuis, L.K. 1928. Zutphen, W. J. Thieme & Cie (Nederlando). 128 paĝoj, 15 × 23 cm. Prezo, bind. Fl. 1,95.

*Grammatica delle lingua ausiliare Esperanta*. Giuseppe Giani. Volume I. Morfologia, 1928. Torino, Luigi Grecchini, Via Fratelli-Calandra, 24-26. 272 paĝoj, 14 × 20 cm. Prezo : 10 L.

*Einführung in die deutsche Sprachlehre*. Hilfsbuch zur Vorbereitung auf fremdsprachliche Kurse von G. Schattat. Hartungsche Verlagsdruckerei, Königsberg i. Pr. 40 paĝoj, 14 × 22 cm. Prezo : 0,75 Germ. Mk.

*Hanska matka Länsi-Europan ympäri esperanton avulla*. (Agrabla vojaĝo per Esperanto ĉirkaŭ la okcidenta Eŭropo). H. Salokannel. 12 paĝoj, 14 × 22 cm. Prezo : ne notita.

*Internacia Foiro de Lyon*. 1-an Lundon de Marto 1928. Prospekto kun ilustraĵoj, 16 paĝoj, 13 × 21 cm.

*Lyon'a Internacia Foiro*. Reklama sorbpapero, 16 × 24.

 **LINGVAJ STUDOJ** 

## Ĉu Esperanto, ĉu fremda lingvo ?

de *Edmond Privat*.

Ni jam ofte klarigis ĉi-tie ke lerno de Esperanto kaj studo de fremda lingvo devus havi tute malsamajn celojn. Fremda lingvo estas enkonduko al unu aparta popolo kaj al ĝia kulturo. Tiun rolon ne povas kaj ne emas anstataŭi Esperanto, kiu celas ebligi eksterlandan komprenon ĝeneralan kaj praktikan.

Ekzistas konstanta konfuzo inter tiuj diferencaj roloj. Kial ? Ĉar fakte multaj homoj lernas fremdan lingvon n e por koni popolon aŭ gian kulturon, sed por ĝuste la sama celo, kiun havas Esperanto.

Kiel mondlingvoj venas unuarange la angla, poste la germana kaj franca, kaj kvare Esperanto se oni juĝas laŭ vidpunkto kvanta, ne kvalita. Se oni ekzamenus la aferon laŭ la vidpunkto kvalita, tiam Esperanto ricevus la N-ron 1 anstataŭ N-ro 4.

Ni lasu for la okazojn uzi fremdan lingvon ĝuste kun ties popolo. Kiam, inter du interparolantoj, la lingvo estas fremda nur al unu, tiam la alia, starante sur firma tero, povas etendi savan brakon al la naĝanta baraktanto.

Ni esploru nur ekzemplojn de vera *internacia* uzo : Franco kaj Germano interparolas angle, Ruso kaj Hungaro france, Italo kaj Japano germane. Kiel funkcias tiam la fremda helplingvo kompare kun Esperanto ? Malbone, eĉ tre malbone en la plej multaj okazoj. Kiel kompreneblajn esceptojn ni forlasu ekzemple diplomatojn ambaŭ vivintajn eble dek jarojn en sama Parizo, Berlino aŭ Londono. Eĉ tiam la kvalito ne estas perfekta. Sed 999 el mil ekzemploj estas tute aliaj. La homoj lernis la lingvon en ia lernejo aŭ eble per kelkmonata restado eksterlande.

La kvalito de la interparolo estas malalta : ĝeno, embaraso, timo je eraroj, ne ĝusta uzo de naciaj esprimoj, diferenco de elparolo (ĉefe grava en angla lingvo). Dum ambaŭ interparolas, regas ilin la lingvo uzata kun siaj tradicioj, apartaĵoj, idiomaĵoj, malregulaĵoj.

Se ili parolas Esperanton, la malo okazas: ili regas sian ilon kaj ne estas la sklavoj de la lingvo. Kontraŭe ilia penso ordonas kaj alformigas konstante la necesajn esprimojn. Ili vere sidas sur la seĝo kaj ne la seĝo sur ili. Jen la ĉefa kaj esenca diferenco.

La samon vi rimarkas en kongresoj aŭ en verkado de libroj aŭ artikoloj. Parolanto povas esti elokventa en Esperanto, malofte en fremda lingvo. Li tro timas ridetojn en la aŭdantaro kaj al li mankas la necesaj lingvaj riĉaĵoj. Ĉe fremda lingvo li ne povas, kiel en Esperanto, forĝi la taŭgan esprimon per prefikso, sufikso aŭ kunmetaĵo trafa. Li devas traserĉi sian memoron, serĉadi en la trezoraj tirkestoj de la fremda lingvo por trovi la ĝustan

juvelon kreitan de longa tradicio kaj sole taŭgan por vesti la penseron alvenantan. Tio prenas tempon. Plej ofte la parolanto devas rezigni je tio en improvizado. En Esperanto li simple faras mem la necesan vorton. Tie estas la ĉarmo kaj la forteco de nia lingvo.

Ĝi donas al la individueco travideblan vestaron ĉiam tuj formeblan anstataŭ trudi komplikan memorigon je vasta katalogo de enŝrankaj vestaĵoj, devigataj de la tradicio, kio estas la ĉarmo kaj la riĉeco de niaj naciaj lingvoj.

Pri la elparolo ne ekzistas tia diferenco, sed Esperanto kiel la itala lingvo havas nur 5 vokalojn dum la franca kaj angla havas kvin aŭ sesoble pli da ili, kio kaŭzas kvin aŭ sesoble pli da eblaj erariroj. Ankaŭ la regula akcento helpas.

Nun prenu la verkadon. La mondo bezonas efektivan helplingvon en kiu ĉiu ĵurnalisto, ĉiu scienculo, ĉiu pensulo povu tuj publikigi siajn ideojn rekte. Ĉu tio okazas per fremda lingvo ? Ne. Ekzistas ĉiam esceptoj, sed denove 999 el mil homoj — eĉ kleraj — absolute ne kapablas verki libron aŭ artikolon en fremda lingvo sen helpo kaj korektado de spertulo el la koncerna lingvo.

Esperanto estas la sola disvastigita lingvo, krom la gepatra, en kiu oni povas verki tuj, sen traduko aŭ korekto, por klarigi siajn ideojn al eksterlanda publiko. Tio estas gravega diferenco kaj devus ĉiam esti aludata kiam oni priparolas Esperanton.




# Universala Esperanto-Asocio

Centra Oficejo: 12 Bd. du Théâtre, Genève, Svis.

## Oficiala Informilo

Jaro 1928, N-ro 7.

*Elektoj.* — La komitato de UEA elektis por la ofica periodo de 1. XI. 27—31. X. 1930 : (Respondis 17 anoj el 22).

Prezidanton de UEA : D-ron Edmond Privat kun 15 voĉoj.

Vicprezidanton de UEA : Johannes Karsch, Dresden, kun 15 voĉoj.

Direktoron : Hans Jakob-Notz, kun 17 voĉoj.

Ĝi decidis kompletigi la nombron de l'anoj elektinte konforme al art. 31 de l' statuto *S-ron Andreo Ĉe* proponitan de l' membraro de UEA en Rumana teritorio.

Ĝi aprobis unuanime la proponon, ke la vicprezidanto alternu por ĉiu ofica periodo, tiel ke sinsekve ĉiu lando sendu sian reprezentanton.

Ĝi decidis ke la komisionon formu estonte sep anoj ne tro dislokitaj por facile kunvenigi ilin okaze de bezono.

Elektoj kaj decidoj kolektitaj kaj kontrolitaj en Hradec-Králové, Ĉeĥoslov., la 26-an de Aprilo 1928.

*O. Sklenĉka,*
Ĉefdelegito de UEA
(Komisiita de l'estraro).

*Pola Teritorio.* — Jam de jaroj ni klopodis starigi polan teritorion kun administra centro, malŝarĝante la Centran Oficejon. Laŭ propono de la Direktoro la Delegitoj en Polujo akceptis kreon de teritorio kun administra centro en Bialystoko. Ili elektis ĉefdelegiton, S-ron *Jakobo Ŝapiro,* kaj la komisiono de UEA aprobis tiun elekton.

Rezultato : Voĉdonrajtaj, 80 (D kaj VD). Respondis, 65.

| | Jes | Ne | Senvalora |
|---|---|---|---|
| 1. Teritorio .............. | 47 | 17 | 1 |
| 2. Ĉefdelegito S-ro Ŝapiro .. | 44 | 20 | 1 |
| 3. Teritoria Kaso .......... | 48 | 16 | 1 |

Necesa plimulto : Duono de la respondintoj : 33.

Sekve la elekto validas. Informo pri la nova organizo estos sendata al la tuta membraro en Polujo.

*Sveda teritorio.* — La restado de S-ro Andreo Ĉe en Svedujo havis tre bonan influon ankaŭ por la aferoj de UEA. Dank' al lia iniciato la svedaj Delegitoj starigis teritorian organizon kun administra centro, laŭ la modelo ĉeĥoslovaka. Ili elektis kiel ĉefdelegiton, S-ron *Adolf Larson* en Appelviken apud Stockholm (Adreso: Drömstigen 43). La Komisiono de UEA aprobis tiun elekton.

Alia feliĉa sekvo de la klopodo de S-ro Ĉe estas la elekto de novaj Delegitoj en Svedujo. Tio estas despli salutinda pro tio, ke en tiu-ĉi lando ni nur pene progresis. Ni sincere dankas nian novan komitatanon pro lia valora kunhelpo jam ofte elprovita dum tempo kiam S-ro Ĉe mem plenumis la funkcion de Ĉefdelegito en la Rumana teritorio.

Pro ŝanĝo en la redakta procedo de la nuna jarlibro la novaj delegitoj svedaj ne povis plu esti envicigitaj sen granda kosto kaj perdo de tempo. Ni sekve publikigas ilin nun kaj kune.

## Novaj Delegitoj en Svedujo

**Bjuv** (Sved., Skane). D.: S-ro Gustaf Telander, Freden, 117.
**Bodafors** (Sved., Smaland). D.: S-ro Edvin Nilsson, Svensboda.
**Forshem** (Sved., Västergötland). D.: S-ro Gosta Wirèn, studento.
**Frillesas** (Sved. Halland). D.: S-ro O. Th. Henriksson, fervojisto.
**Gemla** (Sved., Smaland). D. : F-ino Sofia Lindberg, G. par Gransholms A/Bol.
**Glommerstrask** (Sved. Lappland). D.: S-ro K. A. Karleten, Harberg.
**Grängesberg** (Sved., Dalarne). D. : S-ino Sigrid Wallenström, instruistino.
**Gränna** (Sved., Smaland). D.: S-ro J. R. Littner, Brahegatan, 14-15.
**Hällesjöby** (Sved., Jàmtland). D. : S-ro Knut Eriksson, laboristo.
**Hammarö** (Sved., Vernland). D.: S-ro Ebbe Linder, studanto.
**Hernösand** (Sved., Angermanland). D. : S-ro Conrad Wikhammar, kontorestro.
**Kumla** (Sved., Närke). D.: S-ro Erik Carlén, Yxhult.
**Linköping** (Sved., Œstergötld.). D.: F-ino Anna Gylldorff, Klostergatan, 38. VD. : S-ro Hans A. Cott, 29, b. Œstgötagatan.
**Lundsbrunn** (Sved., Vestergötland). D. : S-ro E. V. Ahlin, Dalakvarn.
**Lyse** (Sved., Bohuslän). D.: S-ro S. J. Kull, Kölleröd.
**Motala** (Sved., Œstergötland). D.: S-ro Bron Karl Delstam, Styrmansgatan, 13.
**Munkedal** (Sved., Bohuslän). D.: S-ro J. A. Hansson, Smedberg.
**Nässjö** (Sved., Smaland). D. : S-ro Carl Viksten, Järnvägsgatan, 25.
**Nynäshamn** (Sved., Södermanland). D.: S-ro Algot T. H. Blid, instruisto.
**Sala** (Sved., Västmanland). D.: S-ro A. O. Ehlin, Valla 8-a.
**Sidensiö** (Sved.). D. : S-ro Joel Sundberg, popolinstruisto, Myre.
**Södertälje** (Sved., Södermanland). D. : S-ro Erik Grahn, Marielund.
**Tilberga** (Sved., Västmanland). D. : S-ro Efraim Linden, instruisto.
**Töva** (Sved., Medelpad.). D.: S-ro Gösta Lundkuist, instruisto. Box 21.
**Uddevalla** (Sved., Bohuslän). D.: S-ro E. V. R. Dahl, Södergatan, 26. VD.: S-ro Emil Wassenius, bakisto.
**Vingaker** (Sved., Södermanland). D.: S-ro Hjolmar Kihlberg, instruisto.

**ŜANĜOJ :**

**Karlstad** (Sved., Värmland). D.: S-ro Per Afze Afzelius, C/o A. B. Göteborgs Bank.

Genève, 21 Aprilo 1928. Hans Jakob, Direktoro de UEA.

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

# Esperantistaj problemoj

V

## La semajna gazeto

Kial UEA ne eldonas pli ofte sian gazeton ? Se ne semajne, tiam almenaŭ dusemajne ! Jen deziro de multaj amikoj kiun ni volonte plenumus se ekzistus certeco matematika ke la afero funkcios finance. Ĉar ĉiam revenas tiu-ĉi demando, ni provas klarigi la situacion tiel kiel ĝi estas.

Aperas nuntempe du semajnaj gazetoj : « Heroldo de Esperanto » la grandformata ĝenerala gazeto kaj « Sennaciulo » la organo de SAT. Pri la unua oni scias ke ĝi ekzistas kun peno. La dua ŝuldas sian regulan aperon ĉefe al la pli bona disciplino de l'klasbatalantaj samlingvanoj. Cetere, pri ĝia financa stituacio nenio estas komunikata ekster internaj raportoj.

Ĉu semajna gazeto estas necesa ? Paradoksa demando, ĉu ne ? Rapida informilo certe estas salutinda. Sekve la sola esp. gazeto semajna devus floradi. Ke ĝi fakte ne prosperas, tio supozigas malfacilaĵojn apenaŭ konatajn.

Unue, la rapida komunikado : Ĉu efektive estas ĉiusemajne tiom da novaĵoj por konigi ? Simpla foliumado de niaj gazetoj diras « ne ». Ke en tiu aŭ alia loko okazas kurso aŭ okazis festo ne estas tia mondskuanta novaĵo ; oni tro klopodas konvinki la esperantistojn anstataŭ fari tion ĉe la varbota publiko laŭ moderna maniero, ekzemple eldonante nacilingvan periodaĵon grandnombre laŭ tipo de l'angla « International Language ».

Due, la propaganda efiko : Ĝi jam estas pli rajtigata, ĉar semajna periodaĵo impresas nekontesteble. Persono varbota al la lingvo tamen ankoraŭ ne estas abonanto. Sekve la ŝanco akiri tian malgrandiĝas. La propagandan efikon do profitas unue la libristo, vendanta gramatikon.

Trie, la regula ligilo inter la esperantistoj : Kiu estas iom sperta en la fako scias, ke la legopovo de la esperantistoj estas limigita. La plimulto de l'esperantistaro vivas tamen nacie, pro tio ke ĝi ricevas nacian periodaĵon aŭtomate per la grupo aŭ la enlanda organizaĵo.

Resumante ni konstatas kiom malforta estas la reala bazo de periodaĵo pli ofte aperanta. Tiuj faktoj valoras ankaŭ por la esp. revuoj monate aperantaj, kiuj senescepte vivas dank' al cirkonstancoj flankaj, ofte ŝancelaj. La ĉefaj kaŭzoj de tiu-ĉi fenomeno nun ne estas ĝuste la manko de abonantoj, sed la neebleco kunigi la plimulton da ili en unu lando, sekve forigi gravan parton da administraj laboroj, la relative alta kosto de varbado, la senmezure granda nombro da eksiĝoj. Resume: Tro altaj varbkostoj, tro komplika maniero enkasigi, kaj en la nuna tempo, la neegaleco de vivgajno ĝuste en landoj gravaj laŭ esp. vidpunkto.

Ni turnu nin al la financa situacio de esp. periodaĵo semajna. La ebleco presigi « malkare » en lando kun malsana mono estas for. La prezoj estas ĉie pli-malpli samaj, kaj eblaj diferencoj ne influas konsiderinde la tuton. Kalkulinte jam plurfoje ni venis al jena budĝeto :

| | | Sumo Frk. svis. |
|---|---|---|
| 1. *Redaktoro* : Salajro po monato, Frk. 500, jare ĉirkaŭ ........................ Frk. | | 6,000 |
| (Laboro : Redakti entute la gazeton, plenumi redakcian korespondadon, rilati kun presejo, agentoj kaj kunlaborantoj, parton de adm. laboro supera 9 1/2 h. potage.) | | |
| 2. *Administrado* : Por prizorgi 4,000 abonantojn de semajna gazeto necesas unu oficistino kun meza salajro de Frk. 225 monate .. | | 2,700 |
| (Laboro : Librotenado, registrado de abonoj, admonado de nepagintoj, varbado de novaj, korespondado simpla, preparo de adresoj per maŝino.) | | |
| 3. Unu ĉambro : Luo, prizorgo, sen instalaĵoj kun lumo, telefono, hejtado, k.t.p. Jare .... | | 600 |
| | | 9,300 |
| Aldono pro ebla kalkuldiferenco .......... | | 400 |
| | | Frk. 9,700 |
| 4. *Gazeto:* 52 numeroj en granda formato, 45 cm. alta, 30 cm. larĝa : | | |
| *a)* Presado : 4,000 ekz. Frk. 300, 52 numeroj ................ | 15,600 | |
| *b)* Papero : Po numero 175 Kg. glata papero, po Kg. 0,60, Frk 105 ................ | 5,400 | |
| *c)* Kromkostoj : celulozo, kosto de ekspedo k.a. iom malpli ol 10 % l' preskosto ................ | 1,500 | |
| Gazeto : 52 numeroj .......... | 22,500 | |
| *ĉ)* Afranko : Supozante nur 3,500 ekz. sendotaj, unu ekspedo kostus meze: (El centraj landoj), Frk. 175,52 numeroj, ronde .... | 9,100 | |
| | | 31,600 |
| 5. *Materialo :* | | |
| *a)* Maŝinoj pojare ............ | 600 | |
| (Adresmaŝino, skribmaŝino.) | | |
| *b)* Oficeja bezonaĵo ............ | 400 | |
| *c)* Oficeja afranko (koresp.)..... | 2,000 | |
| | | 3,000 |
| | | Frk. 44,300 |

Ni atingas 44,300 Frk. da elspezoj, kaj povus altigi tion ĝis 45,000 Frk. Kiamaniere oni kovras tion. Simpla kalkulo : 3,000 × 15,00 Frk = Frk. 45,000. Praktike la afero estas alia. Ni prenu abonon je proksimume Frk. 15,00 jare. Foriras 20 % por varbado do restas Frk. 12 por jara abono. Ĉu 4,000 estas troveblaj ? Ni a s e r t a s k e n e ! kaj tiu-ĉi aserto venas el sperto !

La sola revuo esperantista kiu atingis ĝis nun tiun ciferon estas ESPERANTO, kaj tion dank' al jenaj kondiĉoj : 1. Alpago de la manko per ĝia fondinto, Hector Hodler, lasinta kapitalon por tio ; 2. Favoraj prezoj por landoj kun neegala vivgajno aŭ senvaloriĝinta mono ; 3. Oficialeco de la gazeto de Asocio ; 4. La varbado de la Delegitoj, kiu laŭ graveco superas punkton 1 je 100 %.

La konkludo estas jena : Por longa tempo la semajna gazeto estos certa risko. Ĝi povus funkcii, se favora cirkonstanco (inflacio de l'mono, malalteco de fundamentaj kostoj) forigas gravan eron el la budĝeto. Eĉ tiam restas la daŭra zorgo retrovi la saman nombron da abonantoj. Tiun fenomenon spertis ĉ i u j eldonistoj de esp. revuoj, senescepte. Ĉu ni ĉagreniĝu pri tio ? Tute ne ! El la centoj da nacilingvaj revuoj (ne-esp.) granda parto luktas simile kaj nur tute privilegiitaj « unuaranguloj » povas vivi el abonoj. Al tiuj revuoj helpas ankaŭ la anoncoj. Ni ilin ne konsideras en nia studo, ĉar ilia enspezo ĉe esp. revuo kompensiĝus ĉiam per la kosto de l' laboro ; videbla profito n e estas kaj ne estos ! Finan konkludon pri tiu-ĉi problemo ni lasas al la legantaro ; se nia studo iom helpas klarigi situacion kaj forigi dubon, ĝi plenumis la celon.

*H. J.*

---

## Esperanto-Muzeo en Wien

*Ni ricevis de S-ro Hugo Steiner la jenan alvokon pri temo diskutota dum la Antverpena Kongreso:*

La favoro de la Aŭstria registaro por Esperanto pliiĝis. Estis fondita ŝtata ekzamenkomisiono por Esp. ; permeso estas donita al la fervojoficistoj, portadi kiel solan insignon dum deĵoro la stelon ; en Wien kaj aliaj grandaj urboj policistoj estas signitaj per E.-ŝildetoj.

Ĉe eminentuloj en sciencaj, industriaj, politikaj kaj komercaj Esperanton trovis aprobon kaj simpation.

Tiun bazon de ĝenerala favoro S-ro ĉefinspektoro Hugo Steiner, prezidanto de Aŭtria Esp.-Delegitaro, sukcesis uzi por grava antaŭenpaŝo.

Fondiĝis ĉirkaŭ li komitato por kreo de *Internacia Esperanto-Muzeo en Wien*, sub ŝtata protekto !

La muzeo havas la celon, kolekti kaj konservi la materialon ligitan kun la movado de Esp. kaj de la lingvaj sistemoj kaj dokumente pruvi la disvastiĝon de nia lingvo en la diversaj landoj !

La evoluo de Esp. en la lasta tempo tiom rapidiĝis, ke urĝas jam kolekti en unu centra ejo, alirebla kaj disponebla por la tuta mondo, la maloftiĝantan kaj perdiĝantan materialon de la unuaj fazoj.

Neniu alia urbo estas tiel destinita por tia tasko kiel Wien ; ne nur geografie pro sia situo en la mezo de Eŭropo, sed ĉ e f e k a j a n t a ŭ ĉ i o p r o l a f a v o r o d e l a r e g i s t a r o por nia afero. Jam ĝi disponigis al ni por ĉi tiu celo dignajn reprezentajn ejojn en la centro de Wien.

La kanceliero de Aŭstrio, D-ro Ignaz Seipel, eniris en « Internacian Honoran Komitaton », al kiu apartenas krome pluraj ministroj kal altranguloj,

Jam troviĝas riĉa kaj valora materialo por la muzeo ; por ke ĝi estu internacie kompletigata, ni turnas nin al la tutmonda esperantistaro kun la peto pri morala kaj materia apogo. La intereso de ĉ i u u n u o p a l a n d o estas despli evidenta, ĉar la ekspozicio estas aranĝata l a ŭ l a n d o j. *Ĉio havas valoron por la muzeo*, ĉu libroj, prospektoj, malnovaj gazetoj, flugfolioj fotografaĵoj, afiŝoj k.t.p. Vi povas d o n a c i ilin al Muzeo aŭ p r u n t e d o n i. Ni notos sur ĉiu donaco la nomon de l' donacinto kaj sur objektoj pruntedonitaj « Propraĵo de... » Liston de la donacintoj ni publikigos.

Ĉiujn sendaĵojn bonvolu direkti al « Int. Esperanto-Muzeo » Wien, I., Liebiggasse 5 kun duobla listo. Ni kvitancos la akcepton.

Aliĝu kiel membro kun jarkotizo de almenaŭ 1 sv. fr. Vi ricevos membrokarton kaj ĝuos diversajn avantaĝojn. Ni faros je jarfino membroliston kiun ĉiu rivecos, aldoninta 20 sv. ctm. La monon sendu per respondkupono internaciaj aŭ de UEA, Aŭstrianoj en poŝtmarkoj.

IEMW. sisteme kaj regule raportados pri siaj laboroj !

La oficiala malfermo okazos dum Wien-a Antaŭkongreso de XXI-a fino de Julio 1929.

---

# KRONIKO

### Aŭstralio.

*Melbourne.* — S-ro Pyke revenis de sia mondvojaĝo kaj raportis kun lumbildoj pri la krongrestagoj en Danzig, la tagoj en Bialystok kaj Varsovio, Rumana Nacia Kongreso. Li dankeme parolis pri la mirinda helpo de la delegitoj de UEA ĉie kie li estis, en la 13 landoj trapasitaj. La aŭstralia gazetaro raportis pri tio.

### Belgujo.

*Antverpeno.* — La tieaj samideanoj ageme preparas la proksiman universalan kongreson, kiu antaŭvidiĝas kiel granda sukceso.

Mardon, la 6-an de Marto, komenciĝis la unua leciono de la dua k rso franclingva gvidata de S-ro Schiffer.

Sabaton, la 10-an, S-ro Prager el Bukarest rikoltis merititajn aplaŭdojn pro sia sprita kaj interesa parolado pri la Rumana bonhumoro.

Lundon, la 12-an, » La Verda Stelo » amike akceptis S-ron René Chapron, advokato el Le Mans, kiun ĝi invitis en Antverpenon por fari franclingvo paroladon pri Esperanto antaŭ la Antverpenaj advokatoj.

Sabaton, la 17-an, dua kostumbalo, bonege sukcesinta, kunigis multajn Esperantistojn. Premioj malavare donacitaj de kelkaj membroj de « La Verda Stelo » rekompencis la kostumitojn, ĉu bele, ĉu originale vestitaj.

*Antverpeno.* — E n « L a V e r d a S t e l o ». Sabaton, la 24-an de Marto, okazis la diplomdisdono al la laŭreatoj de la kursoj gviditaj de F-ino M. Jacobs, S-roj H. Vermuyten, J. Schiffer kaj G. Bastiaensen. Plej kontentiga estis la rezultato. Post la disdono de la 34 diplomoj kaj premioj, S-ro Jaumotte agrabligis la vesperon per tre interesa parolado ilustrita le lumbildoj pri sia libertempvojaĝo en la valo de la Loire.

Sabaton, la 21-an, S-ro Hasegawa, el Séoul (Japanujo) vizitis la grupon, kie li paroladis pri sia lando kaj sia lingvo. Li rikoltis vermajn aplaŭdojn. S-ro Vermandere finigis la vesperon per lumbildoj de fotografaĵoj de la grupa vivo.

Sabaton, la 14-an de Aprilo okazis la Generala monata kunveno.

*Bruĝo.* — Nova kurso malfermiĝis por 50 gelernantoj.

*Bruselo.* — La bonega propaganda laboro de la Brusela grupo donis fruktojn : ĵus fondiĝis « Universitata Esperantista grupo » okaze de kies inaŭguracio nia eminenta samedeano S-ro H. La Fontaine, vicprezidanto de la Senato kaj Nobel' pacpremiito faris elokventan prelegon pri la Esperanto demando antaŭ 400 personoj-Novaj kursoj okazas en ĉiuj partoj de la urbo kaj antaŭurboj.

*Gento.* — La tutmonde famkonata kvinjara florekspozicio (Floralies » okazos la 21-a ĝis la 29-a de Aprilo proksima.

Esperanto estas uzata por la eksterlanda propagando. Informojn oni petu ĉe la UEA Delegito : S-ro Henri Petiau, 60, boulevard St-Liévin, Gand (Gent).

*Sankta-Nikolao.* — La grupo sukcese propagandis inter la komercistoj kaj industriistoj por la komercaj foiroj kiuj favoran Esperanton.

*Braine-l'Alleud* kaj *Kortrijk (Courtrai).* — Novaj grupoj ĵus fondiĝis en tiuj urbetoj.

## Ĉeĥoslovakujo.



Esp. klubo: Japana vespero. Ambasadoro japana kun Prahaj samideanoj: S-roj Pitlik, Koutek, Ŝustr. Bloch, F-ino Rouzková.

*Praha.* — Esp. klubo aranĝis duan japanan vesperon.

Ĉeestis la japana ambasadoro, ekscelenco Nagata kun edzino. — Parolado pri Japanlando, de S-ro Ŝustr. kantoj de japanaj melodioj de F-ino Rouzková, deklamado el japana poezio riĉe plenigis la vesperon. Salono plenega, vera intereso ĉe la gastoj.

## Ĉilo.

*Santiago.* — Fondiĝis Esp. Ligo de Ĉilo. Prez. : D-ro Julio Salazar Roijers; VP. : P-ro Luis Sepúlveda Cuadra; Sekr. : S-roj Mario Fernández Zegers, kap. Juan N. Bravo ; Kas. : S-ro Juan Hico Ossa.

## Hungarujo.

*Budapest.* — En kunsido de prepara komitato por la XXI-a Univ. Kongreso de Esperanto faris paroladojn vicprezidanto de la Fremdultrafika Ligo : D-ro Béla Tausz, direktoro de la Federacio Danuba: Andreo Bánlaky kaj la fama verkisto: Frederiko Karinthy. Eksministro Emil Nagy promesis persone partopreni. Prelegoj en Kuracista Kazino pri Esp. La Hungara Fremdulafera-komisiono Studenta (Hungarian Students Foreign Affairs' Committee), Budapest, IV. Cálvin-ter 2. I. elektis, kiel aparta esperantista referento S-ron Stud. fil. Julio Némethy. Ili deziras rektan korespondon kun eksterlandaj student-organizoj per Esperanto kaj interŝanĝi studentojn dum libertempo per reciproka gastigado.

Komerc. akademia profesoro D-ro István Láczer sukcese parolis pri Esperanto, kiel solvo de la mondlingva problemo, en la sciencaj parolserioj de la Teatro Urania. En dua prelego li klarigis la gramatikon.

*Debreczen.* — Kurso por universitatanoj.

*Nagykörös.* — Komenciĝis 3 kursoj, unu en la gimnazio.

*Pécs.* — Kurso 20 p. gvid. de F-ino Fiedler.

## Svedujo.

Dum la paska semajno, S-ro Andreo Ĉe faris tri paroladojn kun lumbildoj en la suda parto de Dalekarlio: en Starbo, Gubbo kaj Smedjebacken. Ĉe la tri paroladoj ĉeestis entute ĉ. 180 aŭskultantoj. Ĉiuj admiris la belsonecon de la « artefarita » lingvo. Kunvenis la esperantista rondo de Gubbo, kaj S-ro Ĉe per konsiloj, anekdotoj kaj modela leciono multobligis la intereson de la membroj.

## Turkujo.

*Smyrna.* — S-ro Ali Ilhami, turka samideano, naskita en Bulgarujo kaj tie lerninta Esperanton, ekloĝis en Turkujo kaj komencis propagandan laboron. Li sciigas per letero al la prezidanto de la Bulgara Esperantista Asocio : « Antaŭ kelka tempo mi skribis al vi el Smyrna, ke mi agis tie por disvastigo de Esperanto. La turka junularo estas tre interesigita pri la lingvo, kaj nun ekzemple en Konstantinoplo estas esperantista societo kaj estas malfermitaj tri kursoj de Esperanto... Nun mi sendas artikolon pri Esperanto al la jurnalo « Rehber » (turklingva jurnalo, aperanta en Sofia, Bulg.). Antaŭ kelkaj tagoj mi donis similan artikolon al konstantinoplaj jurnaloj. »

En Angora grupo da 30 bulgaraj laboristoj fervore lernas Esperanton sub gvido de la kroata esperantisto Jozef Anŝek (el Zagrebo, loĝanta nun en Angora). La kursanoj ligis sin kun la Bulgara Esperantista Asocio. mendis bulgarlingvajn propagandiloin, lernilojn, vortarojn, k.t.p.

**Svislando.** *Katedro pri lingva historio de Esperanto.*

*Genève.* — La novan katedron pri lingva historio de Esperanto en la ĝeneva Universitato inaŭguris la 19. Aprilo P-ro Victor Martin, la Dekano de la Beletristika Fakultato, kiu prezentis la komisiitan profesoron D-ron Privat antaŭ multnombra publiko kaj montris la sciencan intereson de objektivaj studoj pri la vivo de nova lingvo.

Okazis tragedi-komika incidento, kelkminuta, kiam bandeto da fanatikaj propagandistoj el antisemita grupo — ne studentoj — provis interrompi subite per ĥora protesto « pro la hebrea deveno kaj celo de Zamenhof ». Ilin tuj forpuŝis el la ĉambro la ĉeestantaj profesoroj el la diversaj fakultatoj kaj aparte indigne la fama scienculo Claparède, konata amiko de nia lingvo.

Poste la kurso daŭris trankvile kaj tre sukcese.

Ĝin sekvas regule dudeko da studentoj kaj instruistoj interesitaj en lingvo-scienco. La atento de la gazetaro estis vekata kaj aperis pluraj simpataj artikoloj en svisaj ĵurnaloj.

*Le Locle.* — La Internacia Kongreso de religiaj socialistoj — ŝanĝis daton — ĝi okazos la 24, 25 kaj 26 Aŭgusto en Le Locle (Svislando), ĉe la franca landlimo, kun Esperanto kiel sola traduklingvo. Partoprenantoj enskribiĝu ĉe F-ino Elisabeth Blaser, Temple 11, Le Locle (Neuchâtel). La loka grupo lernis Esperanton por akcepti fremdajn gastojn.

**Franclando.** *25-a Esperantista Kongreso Franca.*

*Lyon*, 25-28 Majo 1928. — La Franca Societo por la propagando de Esperanto okazigas sian ĉiujaran kongreson en Lyon sub patronado de ministro Ed. Herriot, de prefekto Valette, de rektoro Gheusi kaj de senatano Justin Godart, honora membro de UEA. El la riĉa programo ni ĉerpas la jenon:

Vendredon, 25-an Majo: Alveno, vizito de la urbo. Malfermo je la 20 h. 30.

Sabaton, 26-an Majo: Fakaj kunvenoj, ekzamenoj, vizito de la foira palaco, oficiala akcepto per la Urba administrado.

Dimanĉon, 27-an Majo: Kunveno de la S. F. p. P. E. raportoj, elektoj, proponoj, diversaj traktaĵoj. Bankedo en la salonoj Berrier kaj Milliet, 31, place Bellecour. Ekskurso: Lundo 28 Majo en aŭtobusoj al la mezepoka civito Pérouges. — Kompletigaj informoj: S-ro G. Pouchot, 7, rue de la Martinière, Lyon I.




## Informa Bulteno n-ro 3 (Aldono)

*Kotizo:* 35 Belgojn. — Por infanoj ne pli aĝaj ol 4 jaroj: 5 Belgojn. — Por blinduloj la partopreno estas senpaga.

*Fakaj kunsidoj:* (sekvo)

Bankfaka Esperanto-Asocio Tutmonda: Güntzelstrasse 31, Berlin-Wilmersdorf (Germanujo).

Komercistoj: Aranĝanto: Antverpena Komitato por internacia komerca lingvo; delegito: S-ro Morris De Ketelaere, 25, Oostenstraat, Antverpeno

*Kristanoj:* Aranĝanto: S-ro Ch. A. Fairman, Binfield Road, 24, London S. W. 4 (Anglujo), Sekretario de Kristana Eklezia Ligo Internacia.

*Muzikistoj* (kunveno kun artprogramo): Aranĝantino: F-ino Marie Havrankova, Pod Koŝirem 31, Prostejov (Ĉeĥoslovakujo).

*Rotarianoj:* Aranĝanto: S-ro Douglas P. Boatman, Sekretario kaj, Kasisto de Rotaria Esperanto - Amikaro, 39, Alexandra Street, South-end-on-Sea (Anglujo).

*Loĝado:* Mendiloj por la loĝado estas sendataj. Ni petas baldaŭan alsendon kun la mono.

*Kongresinsigno:* Ni ricevis dudekon da projektoj. Lasta templimo estas la 15-a de Majo 1928.

*Programo.* — La organiza komitato antaŭvidas kelkajn ŝanĝojn en la publikigita provizora programo. Pli malpli definitiva programo povos aperi en Majo aŭ Junio.

*Kongresa festeno:* La kongresa festeno okazos en Bruselo, la 11-an de Aŭgusto, je tagmezo.

La prezo estos: Bfr. 40 (Belgojn 8.00).

*Postkongresa ekskurso en Belgujo:* La partoprenontoj loĝos en Bruselo dum 5 tagoj (unua nokto: la 11-an de Aŭgusto), en hoteloj antaŭ-mendotaj per la speciala mendilo. Tiu sistemo estas elektita, ĉar Belgujo ne estas tre granda, kaj oni povas facile reveturi Bruselon ĉiun vesperon. La partoprenantoj ricevos senpage 30 belajn ilustritajn poŝtkartojn de Bruselo kun klariga teksto en Esperanto. La programo de la postkongresa ekskurso estos komunikata per la proksima numero de B. E.

La prezoj estas proksimume:

Por la fervojo en 2-a klaso: Bfr. 250 (Belgojn 50).

Por la fervojo an 3-a klaso: Bfr. 185 (Belgojn 37).

Tiuj sumoj enhavas parton por eventuala verturado en aŭtomobiloj, ŝipoj, tramoj. Dekalkulo estos poste farata.

La partoprenantoj devas aldoni al la mendilo du fotografaĵojn 6 cm. altajn × 4 cm. larĝan.

Oni povas mendi la 5 tagmanĝojn por 25 Belgoj (inkluzive taksoj kaj trinkmono); trinkaĵoj aparte pagotaj.

Grava rimarko: Plenumo de la mendoj, kiuj alvenos post la 15-a de Julio ne estas garantiata.

*Oficialaj kunvenoj:* Pri ĉio kio koncernas la tagordon de la oficialaj kunvenoj oni bonvolu senpere skribi al « Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado », 12, boulevard du Théâtre, Genève (Svislando).

*Invito al organizacioj.* — Naciaj societoj, Ligoj, Grupoj, k.c., kiuj dezirus, ke iu aŭ alia institucio (komercaj ĉambroj, gravaj korporacioj urbestraroj, aŭtoritatoj gazetoj, k.t.p.) estu invitata nomi delegiton al la kongreso bonvolu sendi tuj detalojn al I.C.K.

*Loka Organiza Komitato,* 11, Kleine Hondstraat, Antverpeno.

LASTHORE

Jus antaŭ ol presigi tium ĉi numeron de nia oficiala bulteno atingis nin la ĝojiga novaĵo, ke Lia Reĝa Moŝto ALBERTO, Reĝo de la Belgoj, akceptis la Altan Protektantecon de la 20-a Universala Kongreso de Esperanto.

*Belga vizo. Grava!* La nacianoj de la landoj kiuj bezonas la belgan vizon povos libere eniri en Belgujon, por ĉeesti la 20-an Kongreson de Esperanto. Ĉe la landlimo ili devos montri sian provizoran kongreskarton, sur kiu ili estos antaŭe gluintaj sian fotografan portreton (prefere la saman kiel tiu de siaj identecdokumentoj). — Ili do nepre ne prokrastu sendi sian aliĝilon, por ke la provizora kongreskarto atingu ilin ĝustatempe.

*Teatraĵo:* La Loka Kongresa Komitato decidis organizi prezentadon de « Hamleto », tragedion en kvin aktoj, de W. Shakespeare, tradukitan de D-ro L. L. Zamenhof.

LAUNACIA STATISTIKO DE LA ALIĜINTOJ

Angloj, 138, Aŭstraliano 1, Aŭstroj 2, Belgoj 52, Ĉeĥoslovakoj 8, Danoj 3, Danzigano 1, Finlandano 1, Francoj 32, Germanoj 54, Hispanoj 9, Irlandanoj 3, Italoj 5, Japano 1, Kroatoj 4, Nederlandanoj 32, Perso 1, Poloj 7, Saarteritorianoj 3, Skotoj 32, Svisoj 5, Usonanoj 6.

Entute: 400. Nacioj reprezentatoj: 22.




## Esperanta Radio-Programo

Kun helpo de la Komisiono por Radio - Statistiko'komisiita de I.C.K. kunmetita de J. J. Jungfer, Lindenstrasse, 10, Lübben N.-L, Germ.

DIMANĈO

08,00. — *Moskva*, 1450 m. — Kurso aŭ sciigoj kaj novajoj, 60 min.
18,45. — *Königsberg*, 399,7 m. — *Danzig*, 272,7 m., 30 m. Esp.-Kurso (eble kvaronan horon pli frue aŭ pli malfrue).
22,00. — *Leningrad*, 1000 m.

LUNDO

17,30. — *Kiev*, 775 m.
18,30. — *Kaunas*, 2000 m. — Par.: S-ro Paškevičius. Parolado pri diversaj temoj, 20 min.
18,50. — Programo de la semajno, 10 m.
21,40. — *Gefle*, 204,1 m. — Par.: S-ro Beckman, 30 min. Esp.-Kurso (eble duonan horon malfrue).
22,30. — *Moskva*, 1450 m. — Parolado pri diversaj temoj.
23,15. — *Bruselo*, 508,5 m. — Par.: D-ro Kempeneers. Programo de la semajno, 5 min.
23,30. — *Minsk*, 950 aŭ 1170 m. — Esp.-radio gazeto, 30 min.

MARDO

19,10. — *Huizen*, 1950 m. — Par.: S-ro Heilker. Esp.-Kurso, 30 mi.
20,30. — *Lille*, 286 m. — Par.: S-ro Trotin. Esp.-Kurso, 20 min.
20,40. — *Minsk*, 950 aŭ 1170 m. — Esp.-radio gazeto, 40 min.
21,40. — *Falun*, 357,1 m. — 30 min. Esp.-instruado por progresintoj. Uzata tekstlibro « Karlo », de Privat.
22,00. — *Lyon*, 291,3 m. — Esp.-Kurso, 30 m.
22,00. — *Leningrad*, 1000 m.

MERKREDO

17,10. — *Ĥarkov*, 1700 m. — Par.: S-ro Filippov. Esp.-Kurso, 30 m.
20,00. — *Odessa*, 975 aŭ 1000 m. — Esp.-Kurso kaj informoj.

JAŬDON

18,45. — *Viena*, 517,2 m. — Graz, Klagenfurt, Innsbruck. Parolado pri diversaj temoj, 10 min. Par.: S-ro Smital.
20,00. — *Tallinn*, 408 m. — Informoj pri la kultura kaj ekonomia vivo en Estonio.
20,15. — *Genève*, 760 m. — Par.: D-ro Privat. Esp.-parolado kaj kurso.
21,00. — *Paris*, 458 m. — Par.: D-ro Corręt kaj P-ro Cart. Esp.-Kurso, elementa kaj perfektiga, 30 m.
21,15. — *Paris*, 1750 m. — Par.: S-ro Delanoue. Esp.-parolado, 5 m.

VENDREDO

16,00. — *Novosibirsk*, 1117 m. — Par.: S-ro Petrov. Esp., diversaj temoj alterniĝas kun kurso.
17,10. — *Ĥarkov*, 1700 m. — Par.: S-ro Filippov. Esp.-Kurso, 30 m.
19,15. — *Stuttgart*, 379,7 m. — *Freiburg*, 577 m. — Par.: D-ro Vogt. Esp.-instruado ĉiun duan Vendredon, 30 min.
19,45. — Programo de la venonta semajno, 10 min.
19,50. — *Zürich*, 588 m. — 10 m. Esp. tradukita artikolo pri svisa industrio kaj trafiko. Homaranismaj libroj de svisaj verkistoj, ĉiun duan vendredon. Par.: P-ro D-ro E. Müller. Esperantoliteraturo, ĉiun kvaran Vendredon. Par.: R. Unger.
20,00. — *Zagreb-Agram*, 310 m. — Par.: D-ro D. Maruzzi, 30 m. Esp.-Kurso laŭ la Ekzercaro (eble iom pli frue).
21,30. — *Toulouse*, 260 m. — Par.: S-ro Beaumel, 15 m. Esp.-Kurso.
22,15. — *Breslau*, 322, m. — Gleiwitz, 250 m., 10 m. Esp.-parolado, plej ofte temoj pri Silezio. Dum Aprilo: Germana literaturo en Esp. (dua serio). Par.: F-ino M. Polier.

SABATO

18,55. — *Königsberg*, 329,7 m. — *Danzig*, 272,7 m. — 5-10 min. Programo de la venonta semajno. Par.: F-ino Wermke.
22,00. — *Leningrad*, 1000 m.
22,30. — *Moskva*, 1450 m. — 30 min. Programo de la venonta semajno.

ĈIUTAGE

11,45. — *Leipzig*, 365,8 m. — *Dresden*, 275,2 m. — 5 min. Vetero en Esperanto. Par.: S-ro Vogel.
21,30. — *Sevilla*, 446,8 m. — La 1-an kaj 15-an de ĉiu monato. Propagando kaj informoj pri Esp. en hispana lingvo.

*Bonvolu sendi al la Radio-Sendstacioj dankojn kaj peton al daŭrigo !*

*La tempo estas tiu de Mez—Eŭropo.*
La tempon de la aliaj landoj oni trovas laŭ jena tabelo:

| | | | |
|---|---|---|---|
| M. E. T. Mez-Eŭropa tempo: | 18 h. | 20 h. | 22 h. |
| Ĉeĥoslovakio, Danmarko, Germanujo, Hugarujo Italujo, Norvegujo, Jugoslavujo, Svedlando, Svislando. | | | |
| G. M. T. Greenwich tempo (somera tempo) | 18 h. | 20 h. | 22 h. |
| Belgujo, Britujo (posttagmeze) | 6 h. | 8 h. | 10 h. |
| Francujo, Hispanujo (vintra tempo) | 17 h. | 19 h. | 21 h. |
| Nederlando, Portugalo (posttagmeze) | 5 h. | 7 h. | 9 h. |
| E. S. T. Washington | 12 h. | 14 h. | 16 h. |
| C. S. T. Chikago | 11 h. | 13 h. | 15 h. |
| P. S. T. San Francisko, antaŭtagm. | 9 h. | 11 h. | 13 h. |
| Japanujo, sekvanta tago nokte | 2 h. | 4 h. | 6 h. |
| Rumanujo, Bulgarujo, Grekujo | 19 h. | 21 h. | 23 h. |

## En kelkaj linioj......

— S-ro Gottfried Schwarz, ĉeflerneja instruisto en Eggenberg bei Graz, Allee 46, Aŭstrio, serĉas indikojn pri Karl May, verkisto de multlegataj vojaĝrakontoj. Speciale interesas lin aŭtentikaj informoj de personoj kiuj renkontis la verkiston en eksterlando, precipe en Ameriko, Afriko kaj Azio.

— *ĈIES* (Ĉies Internacia Esperanta Stenografio), la plej facillernebla. 1. Parto: Korespondada Skribo; 2. Parto: Raportista Skribo. Unu parto: 1 fr. sv.; la du 1.50 fr. Premiita okaze de la Internacia Stenografista Kongreso en Bruselo 1927.

Eksperimentoj pruvis ke personoj ne konantaj iun stenografian sistemon bezonas nur unu ĝis du horojn por lerni la korespondadan formon, ĉar ĝi estas tute laŭregule konstruita kaj uzas nur la flue skribeblajn signojn el la provitaj naciaj sistemoj skribaj.

Komparu ekz. kun la Esp. alfaro laŭ la sistemo Stolze-Schrey: Ĉi tiu bezonas en sia debata skribo 40 % pli da manmovoj ol ĈIES, kaj apenaŭ malpli ol la korespondada skribo de ĈIES.

## Esperantista vivo

*Fianĉiĝoj.* — S-ro *Ludoviko Sostarics*, ano de UEA, en Hodmezövasarhely, Hungar., kun F-ino *Katarinjo Werner*.

— S-ro *Léon Zaegel*, ano de UEA, vicprezidanto de la grupo en Dijon kun F-ino *Marguerite Laborde*, bibliotekistino de la sama grupo.

— F-ino *Erna Rösike* kun S-ro *Willy Schalinski*, anoj de la grupo en Potsdam.

### Oni laŭdas !

— S-ro *Paŭlo Balkányi*, Ĉefdel. de UEA por Hungario tutkore dankas al S-ro *Rudolf Michael Frey*, kalkulkonsilanto, delegito en Wien, pro tre afabla akcepto ĉe la stacidomo, kelkfoja gvidado kaj zorgema helpo dum la ĉesto en Wien.

## Libertempo en Venecio !

Samideanoj kiuj intencas pasigi kune la libertempon en Venecio, dum Septembro skribu sub N-ro 5831 al la redakcio de « ESPERANTO ».

# Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro *Franz Zwach*, kolonelo. Post morto de samideano Schröder, la pioniro de la movado en Aŭstrio, denove la Vienanoj priploras foriron de unu el iliaj plej bonaj. La 24 Marto ĉirkaŭ 200 esperantistoj ĉeestis la enterigon de kolonelo Zwach, simpatia kaj afabla samideano, talenta poeto.

Vera poeto li estis. Ne stila majstreco sole, ne la profunda sentkapablo sola lin aperigis poeto : Homo nobla li estis antaŭ ĉio. Helpi, servi li emis konstante ; rigora kontraŭ si mem li kompreneme defendis aliajn ; lia toleremo ne malhelpis lin, esti justa; sentemeco de l'poeto ne ŝancelis la animfortecon de la viro en suferado paciencege portata. Sed du karakteraj trajtoj precipe distingis lin : Treege diligenta kaj modesta li estis. Al nia lingvo ne mankas vorto konciza resumanta ĉion-ĉi : Zamenhofeca li estis.

Ĉar lia nomo ne malaperos plu el nia literaturo kaj el la historio de l'aŭstria movado, kelkaj datoj pri la vivo de « la kolonelo » restos interesaj.

Franz Zwach naskiĝis en Teltsch, Moravio, la 29an de Septembro 1856, filo de l'tiea kuracisto palaca. Li elektis la oficiran karieron. Interesa estas la maniero, kiel li iĝis esperantisto. En 1906, ĉe kegloludado, D-ro Skatkowsky-Lemberg menciis en societa rondo Esperanton. Zwach ekinteresita, aĉetis libreton. Post 8 tagoj jam li parolis al la doktoro en Esperanto, je granda ĝojo de ambaŭ.

De tiam studis li de jar' al jaro pli intense. Rezultis baldaŭ serio de verkoj. Presite aperis « Poeziaĵoj de Schiller », inter ili « La kanto pri la sonorilo » ; « La malŝparulo » de Raimund ; en la lasta duonjaro : la tekstoj en « Katolika kantaro » kaj en ĉiuj la jaroj zorge pripensitaj belstile skribitaj recenzoj en la aŭstriaj E-gazetoj. Li postlasis tute pretan tradukaĵon de « Altarbaro », la plej konata verko de la aŭstria epikisto Adalbert Stifter, kaj riĉenhavan poemaron. Ambaŭ verkojn publikigos laŭeble A.E.D.

La stilo de Zwach estas plejparte tre simpla, klara kaj glata. Ritme fluas la lingvaĵo. Sed ankaŭ plastikiga ĝi estas, ĉar la aŭtoro estis, kiel vera poeto, lingve produktkapabla. Profunde konante la ideenhavon de la elementoj, la misterojn de ilia kombinebleco, li ofte surprizas per novaj formoj malnovdevenaj. Slava moleco kuniĝis kun germana prudento. Fiere li sin nomis « disĉiplo de Christaller ».

Lian agadon personan karakterizas nepra servado al nia afero, ĉiuokaze nobla servado. Kvankam oficiro malnova li laboris kun laboristoj ; estante protestanto li verkis por katolikoj ; altŝatante kaj admirante germanojn li rekreis en Esperanto la ĉeĥan himnon nacian. Pasie li subtenis la blindularon. Tia li estis ek-nomata honora membro de « Unua E-Unuiĝo », « Danubio », « Fideleco » kaj « Rondo de Blinduloj ». Du ĝojojn li ne plu povis ĝisvivi : La malfermon de « Internacia Esperanto-Muzeo en Wien », al kiu li tamen aliĝis estante membro de ĝia Int. Kuratora Komitato. Al la muzeo li dediĉis lastavole sian tutan E-postlasaĵon. Due en nia Lingva Komitato li estis anstataŭonta s-anon Schröder mortintan. Atingis lin nur la sciigo de prezidanto Cart pri kandidateco.

Adiaŭante lin ne forgesu unu devon : Danki al lia bona anĝelo, kiu tiom longe lin konservis al ni ; al lia modela edzino, kiu — mem grava malsana — lin flegis senripoze ĝis la lasta momento kaj fidele lin apogis en la tempo postmilita, terura por ambaŭ. Al ŝi kaj al la tuta respektinda familio ni esprimas kondolencon sinceran. Sed al nia foririnto ni vokas :

« Gloron vi neniam aspiris ; tial estu gloro al vi ! »

*A. E. D.*

S-ro *John Lowe King*, delegito de UEA, en Gisborne, Novzelando.

S-ro D-ro *Ozro Smith Lowell*, eksano de UEA, en New Malden N. Y. (New York Herald).

S-ro *Léon Demarcy*, 63 jara, en Beauvais, fondinto de la loka grupo, aŭtoro de lernolibro, eksdelegito de UEA, arda propagandisto.

S-ro *Stefano Roboz*, simpatia junulo ano de UEA, multe helpinta por la aperigo de la traduko de « Tragedio de l'homo », en Budapest.

S-ro *Louis E. Post*, ano de UEA 10082, en Washington, Jan. 1928.

S-ro *Bela Spitzer*, delegito de UEA en Subotica, 30 jaraĝa. Li starigis la postmilitan movadon en Subotica, Jugoslavio. Depost 1922 li gvidis 25 kursojn kun ĉ. 300 kursanoj, aranĝis prelegojn kaj ekspoziciojn. Li laboris por nia afero senlace kaj ne evitante penon. Lia naimo restas inter ni. Ripozu en paco, ĝis revido. J. B.

S-ino *Phebe Willan Fazel*, edzino de nia agema Delegito S-ro pastro John H. Fazel en Topeka Kansas U.S.A., 7/III je apopleksio. Esperantistino ŝi fidele helpis al ŝia edzo kiu edziĝis je ŝi en la jaro 1875.

S-ro *Heinrich Fridöri*, instruisto en Zürich kaj Ano de la Lingva Komitato, 12 Aprilo 1928 sekve de korafekcio.

S-ro *Konstanteno Morariu*, eksano de UEA en Cluj, Rumanio, 23 jaraĝa dum militservo. La mortinto estis frato de nia ĉefdelegito Tiberio Mariaru kaj de la delegitino en Cluj F-ino Eugenia Morariu.

S-ino *Cécile Schenk*, patrino de nia anino F-ino Alice Schenk en Lausanne (Svis.).

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ ; L = letero. PK = poŝtkarto. PI = poŝtkartoj ilustritaj. PM = poŝtmarkoj. blf = poŝtmarkoj sur bildflanko. kĉl. = kun ĉiuj landoj. Esp-aĵo = Esperantaĵo. fot-aĵo = fotografaĵo. gaz. = gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

Ni atentigas plie, ke la redakcio ne respondecas pri la tekstado.

## Korespondado

### Interŝango de objektoj

**Amsterdam** (Nederlando). S-ro N. Zilver, Box H. S. P. 1055, Damrak, 95, PM kĉl. Malakceptas bagatelajojn.

**Arezzo** (Italio). F-ino Maria Mari, via Mazzini PI LK. ĉ. L. prefere kun Ameriko, Azio kaj Eŭropo. Indiku aĝon kaj profesion sendu foto. Universitatanoj indiku falkultaton.

**Arezzo** (Italio). S-ro Corrado Cerri, via Isonzo 12, L pri filosofio, pedagogio, religio, popolkutimoj kĉl. prefere kun Oriento. Indiku aĝon kaj gradon univers. Nepre respondos.

**Arnhem** (Nederlando). S-ro A. L. Moreau, instruisto, Raapopsche Weg 55, PI por sia klaso kun lernantoj ĉinaj kaj japanaj. (Lerneja korespondado.)

**Bad Warmbrunn** (German. Silezio). S-ro Hans Zimpel, Ziethenstr. 22, PI por lumbild-aparato

**Barcelona** (Hispan.) S-ro Manuel Lliro, Calle Llacuna 1-1o-1a, PM,

**Bratislava** (Ĉehoslov.). S-ro Emil Ott, ekskapitano, Gjurkovicsgasse 8a, PM, kĉl. Certe respondos.

**Colmar** (Francujo). S-ro E. Zimmermann, del. de UEA, rue des Moulins, PM, kĉl. Sendas saman nombron da francaj.

**Dagda** (Latvujo). S-ro Janis Švalbe, PI, L, kĉl.

**Debreczen** (Hungarlando). S-ro Gábor Lukács, Miklós-str. 1., monerojn, papermonojn, PM kun Nord- kaj Sudeŭropanoj, precipe eksterеŭropanoj. Nepre respondos.

**Dobreczen** (Hungarlando). S-ro József Boczán, kursgvidanto, Hatvan-str. 2, por siaj lernantoj PI bfl. kun la tute mondo. Certe respondos.

**Dusseldorf-Oberkassel** (German.). S-ro Theodor Wilhelm Teich, Hansaallee 249 L pri filozofio, religio, rozkrucanismo, okultismo.

**Gablonz a. N.** (Ĉehoslovakio). S-ro Franz Hub, Friedhofstr. 14., kun skulptistoj kaj produktistoj de artefaritaj ŝtonoj.

**Györ** (Hungario). Laborista grupo, S-ro Paŭlo Németh, str. Aranyjanós 32, PI, L ankaŭ kun F-inoj.

**Haifa** (Palestino). S-ro M G. Leuchtman, Hadar-Hakarmel, Box 69, anoncas novan adreson.

**Hradec Králové** (Ĉehoslovakio) S-ro Frantisek Resler, gimnaziano Boromeum 356. PM, PI, L, kĉl.

**Malang** (Nederlanda Indio, Javo). S-ro P. Groenhart, del. de UEA, Ardjoenostraat 20a, serĉas korespondantojn por kursanoj-geinstruistoj.

**Napoli** (Italio). S-ro G. Sambito, Via Roma 292, PM, PK, kĉl.

**Narva** (Estonia). F-ino Klara Grigordoi, Posti tän. 25-6, PL, kĉl. Korespondas ankaŭ germane.

**Narva** (Estonio) S-ro Samuel Raudsepp, Vaivara tän. 6-5, PM, PL, bfl., kĉl.

**Paŝmakli** (Bulgar.). S-ro Minju Edrev., agronomo, L, PK, kĉl.

**Paŝvitinis** (Litov., Šiauliu apskr.). S-ro Liudas Zdanavičius, instruito, Titoniu pr. mokl. Vedejas, PI, PK, litove, esp., germane, ruse, pole.

**Pisa** (Italio). S-ro Cesare Mochini, Viale Bonaini 17, PI, bfl, PM, kĉl. Ĉiam respondos.

**Porto Alegre** (Brasilo, R. G. do Sul). S-ro Ary Zamora, Rua Santos Pedroso 6. PI, kĉl. Certe respondos.

**Shimonoseki** (Japan). S-ro Yoshiho Takeuchi, 102, Nishinabe, PI, kĉl.

**Torino** (Italio). S-ro Natale Rosso, fervojoficisto, Via Colli, 63, L, PI, kĉl. Nepre respondos.

**Yamanasi** (Japanujo). S-ro Tateisi-Takasi, Yamanasi Zyosi Sihangakkô, Kusakabe, Instruisto de knabina instruista lernejo, 23-jaraĝa fraŭlo, L, PI, kĉl. Precipe kun ĉarmaj fraŭlinojf, pri ĉia temo.

## Petoj kaj Proponoj

### Internacia Komerco

**Antikvajn violonojn**, pli ol 100 jarajn (de diversaj majstroj deveno vi povas aĉeti. Oni garantias kaj plej honeste agas. UEA-no (N-ro 12,630) Konst. Koutek, konsilanto de ĉefurbo Praha, Ĉehoslovakio, Bílkova N-ro 3. Krom esper. eble skribi angle, france, germane.

---

**Filatelistoj.** Sendu diversajn PM mi sendos estonajn kaj latvajn. El Germanujo kaj Aŭstrio nur laŭ mankolisto, Katalogo Y. & T. kaj Michel 1928. S-ro J. Löhmus, Puisstee t. 4, Valga, Estonie.

---

**Filozofia.** Rondo Esperantista, informigas S-ro Theodor Wilhelm Teich, Hansaallee, 249, Düsseldorf-Oberkassel (Germ.).

---

**Inĝenieroj kaj teknikistoj de ĉiuj landoj,** a t e n t u ! Preparante la eldonon de la « Tutmonda Adreslibro » de inĝenieroj, hemiistoj, teknikistoj esp. de ĉiuj landoj, ni petas vin — en la interesoj de l'afero kaj viaj propraj — sciigi al ni kiel eble plej baldaŭ (almenaŭ per poŝtkarto) viajn familian- kaj antaŭan nomon, detalan adreson, karakteron de via agado, kie vi servas k.t.p. — Presigo de ĉi tiuj informoj estos senpaga. Bonvolu adresi jene: « Esperanta Internacia Komerca Informilo » M. Wittenberg, Berlin W, 62, Kleisstrasse, 31, Germanujo. »

---

**Kongreso.** Mi serĉas korespondadon kun partoprenontoj de la 20-a Kongreso de Esperanto en Antverpeno por persona interkonatiĝo dum la kongreso. Antverpenaj samideanoj skribu ankaŭ al S-ro Jozef Paffenholz, Düsseldorf 110, Germanujo.

---

**Loĝejo malkara.** Komence de Majo estas malfermata en Scheveningen, Jurriaan Kokstraat, 1, hejmo por laborantaj sinjorinoj kaj fraŭlinoj, ankaŭ por trapasantinoj sub protektado de la « Virina Ligo » en Hago, Informojn donas S-ino A. Tassemeijer-van der Nagel, Koninginnengracht 13, Hago, kaj F-ino A. J. Grüber, van Weede, van Dijkveldstraat, 6, Hago, kaj post la malfermo la direktorino. Loĝado kun matenmanĝo, 1 1/2 guldeno.

---

**Muzikverbo.** Mi deziras komponiston de potenca muziko por tragedio, originale verkita en Esperanto, en tri aktoj, kun horoj, baletoj kaj scena muziko. — Skribu kun referencoj al: Frafo de Percin, 4, avenue Clemenceau, Colmar (Haut-Rhin), Francl.

---

**Reprezentado.** Profitdonan reprezentadon por tuta Svislando serĉas sperta negocisto. Karl Wenz, Röslistrasse 27, Zürich. Leteradreso: Postfach, Hauptbahnhof.

---

**Rimleksikono.** Malkara rimleksikono nur esperantlingva, enhavanta 6,000 radikojn, fonetike ordigitajn laŭ finsilaboj serĉas eldonfirmon, Georg Reimann, Kirchstrasse 19, Querbau III, Berlin N. W. 40.

---

**Sporta terminaro. Kiu kunlaboras?** Por la verkado de libro pri sporto kaj gimnastiko kun terminaro mi serĉas kunlaborantojn. Mi estus danka por disponigo de tiurilata materialo. Conrad Schuhler, Heudukstrasse. 23, Saarbrücken (Saarteritorio).

## Delegitoj de UEA !

**FIKSU TIUN ĈI ŜILDON ĈE VIA LOĜEJO AŬ OFICEJO ⟶**

Dimensioj : Alta 20, Longa 30 cm. — El plej bona lado, trikolore emajlita. — Prezo kun sendo : **Kvar** Frk sv. — Mendojn al :

**UEA, 12, Boul du Théâtre, Genève (Svislando)**




Regiona
# DELEGITO
**Universala Esperanto - Asocio**

---

JUS APERIS :

## KOMERCA VORTARO EN ESPERANTO

de

*Robert Kreuz* kaj *A. Mazzolini*

Membroj de la Lingva Komitato

Aranĝita laŭ metodo de Kabe 108 paĝoj

Prezo bindite sv. fr. 3. —

La nomoj de la aŭtoroj mem rekomendas la bonegan verkajon. Mendu tuj !

**Havebla pere de Libro-servo de UEA**

---

## Kristana Instituto " Les Iris „

**por FILINOJ**

**Faubourg de l'Ecluse, 16 NEUCHATEL**

**Funda ellerno de la lingvoj Franca, Angla, Itala;**
**Muziko k.t.p. Belega situacio. Bona zorgado. Unuaj refencoj.**
**Diplomita instruistino en la instituto**
**Oni akceptas ankaŭ filinojn kiuj vizitas la lokajn lernejojn.**

***Prospekto laŭdezire.***

Estrino : F-ino Weber.

---




*La ideala rimedo*, moderna kaj superega, kontraŭ la malsanoj gastro-intestaj kaj sekvoj iliaj, Malsanoj de la renoj, infektoj, migrenoj, venenigaj infan-malsanoj k.t.p. **estas** trovita en la nova fermento gastria

# Novochimosin Spohr

Rekomendita de la medicinaj spertuloj. Uzata en la pli multaj landoj. Por ĉiu lando kie ne estas vendanto, sendo rekta de la fabriko, kiel specimeno registrita, ĝis ok boteletoj originalaj per unu specimena sendo. Prezo 3 ŝil. po boteleto de 50 pastiloj pagebla kun la mendo.

*Literaturo kaj instrukciaro laŭ demando en franca, angla, itala, hispana kaj germana lingvoj riceveblaj rekte de l' fabrikanto.*

**Industrie Chimique Lugano, Svis. — Telegr. adr. : Spohr, Lugano**

**Kodo : A. B. C. 5th ed.**

---

**Ĉiuj skoltoj ! Ĉiuj amikoj de Skoltismo !**

abonu la internacian monatan gazeton ilustritan

# Skolta Heroldo

Oficiala organo de « Skolta Esperantista Ligo »

Abonpreso : 2 sv. fr. : Adreso :

**Pastro Ramboux**, 22, Cours Albert I, **Paris VIII.**

---



**Libroj estas bonaj amikoj !**

Postulu katalogon senpage kaj afrankite ĉe

## Librovendejo R. Foltanek

Esperanto-oficejo de l'UEA,

WIEN I, Ballgasse, 6, II.

